# LITERATURA MONDO

JULIO
DUA JARO

1923
NUMERO 7 (10)






REDAKTEJO KAJ ADMINISTRATEJO: BUDAPEST VI. ANDRÁSSY-UT 81

PRESITA: GLOBUS PRESARTINSTITUTO ANONIMA SOCIETO BUDAPEST

**NIA KUNLABORANTARO:** LOUISE BRIGGS (ARMLEY), J. GRAU CASAS (BARCELONA), HILDA DRESEN (TALLIN), DRO ALEKSANDRO GIESSWEIN (BUDAPEST), NIKOLAO HOHLOV (ZAGREB), IVAN H. KRESTANOFF (DRESDEN), A. MAZZOLINI (FIRENZE) JAN VAN SCHOOR (ANTWERPEN), PAŬL MEDEM (KAUNAS), TIBERIO MORARIU (BUCURESTI), PAŬL NYLÉN (STOCKHOLM), EMMA H. OSMOND (LONDON), PETRO STOJAN (KIŜINAŬ), M. SOLOVJEV (SKOPLJE), DRO LEONO ZAMENHOF (VARSOVIO), JULIO WERNER

# ★ XV ★

*Ĝojo, bela fajro dia, Elizea di-filin'!* Ekflugu al la festa urbo de la popolo de l' Espero, kaj viaj mildaj sed potencaj flugilfrapoj forpelu la fantomon de la „impertinenta modo", kiu eĉ nun rikane teruras la mondon. Faru tiujn tagojn sunbrilaj per via rava rideto kaj fruktodonaj per via milda potenco. Koroj sin preparas ĉie en la mondo por revido de nekonataj fratoj. Inspiru tiujn korojn por entuziasmo kaj persisto, kunfandu tiujn korojn por kreo, por beno. En via benata nomo, el vi ĉerpinte fortojn en la ĉagreno kaj mizero ni krias elkore:

— „Saluton, fratan saluton!

Nia revuo atendas la kongreson kun la plej belaj esperoj. Ĉi tio estas la unua okazo, kiam la revuo povas senpere interrilati kun sia publiko, kun siaj kunlaborantoj. Ni esperas ricevi dum personaj interparoladoj novajn ideojn pri la plibeligo, plinteresigo de la gazeto, kaj ni esperas ankaŭ, ke ni povos konvinki la Esperantan mondon pri la neceseco, graveco kaj signifo de nia entrepreno, kiun ni volus vidi kiel garantion pri la vivkapablo de la Esperanta literaturo. Kaj — lastvice, sed ne lastrange — ni esperas akiri tiom da abonantoj, kiom certigus ne nur nian ekziston (ĉar ni jam apenaŭ povas trovi sufiĉan lokon inter la malvastaj kadroj), sed ankaŭ tion, ke ni povu aperi en duobla amplekso por la sama prezo. Se eĉ ĉi tiu ebleco ne movas kelkajn korojn rustiĝintajn — kion fari? En grandaj aferoj sufiĉas eĉ voli.

Ni kore invitas ĉiujn al niaj teatraj vesperoj dum la kongreso.

# TEATRA VESPERO

## DE „LITERATURA MONDO" — DUFOJE DUM LA KONGRESO

*

ŜERCO
DRAMA SCENO
KOMEDIO

*



*

KANTOJ
DEKLAMOJ
OPERETO

*

PREZENTANTOJ: S-INO MARIA KÉTHELYI, OPERKANTISTINO; F-INOJ IRENA NOIRET, ANNA KAJ CORONA PECHAN; S-ROJ J. BAGHY, E. REVESI, K. DE KALOCSAY, M. SÁROSSY, T. SCHVARTZ.

# DU PINARBOJ

TEO JUNG



Ofte mi migras sola tra la mirigaj mirakloj de mia hejmlando. Tiam mi havas specialan plezuron komenci interparolon kun plej diversaj objektoj aŭ lasi ilin rakonti al mi pri ĉiuspecaj interesaj aferoj. Jen mi interparolas kun la majesta riverego, kiu multon vidis dum sia centkilometra kurado kaj scias bone rakonti per la bruado de siaj ondoj; — jen kun la alta arbaro, kies branĉoj kaj folioj susuras kaj murmuras pri idiliaj spektakletoj okazintaj sub iliaj rigardoj en la vastaj, verdaj haloj; — jen kun kruta roko, kies rigidecon kaj nudon preterpasis jarcentoj kaj jarmiloj; — jen kun dezerta ruino de antikva kastelo, kiu iam spertis en siaj salonoj gajegajn festenojn de diboĉemaj gekavaliroj kaj en siaj turoj suferojn kaj turmentojn de malfeliĉaj kaptitoj; — jen kun profunda abismo, en kiu iam logaĉis furioza monstro maltrankviliganta la ĉirkaŭajn kampojn kaj vilaĝojn; — jen kun krucbildo staranta solece apud vojforko; — kaj kun multaj, multaj aliaj diversspecaj objektoj.

Kelkiun povus enuigi tiaj solecaj migradoj kaj tiaj strangaj interparoladoj kun ŝajne senvivaj objektoj. Sed mi komprenas la lingvon de la objektoj, kun kiuj mi parolas. Ne por ĉiu ĝi estas komprenebla. Oni devas esti naskita, vivinta inter ili kaj kun ili. Kaj por tia komprenanto ilia lingvo sonas dolĉe, rave, mirige — kiel kanto, altsfera, nobliga muziko.

Iufoje mi renkontis sur altaĵo du solece starantajn pinarbojn. Estis somera tago, kaj la tagmeza suno brulis fajre de l' zenito. Benko staris je iliaj piedoj sed ili jam ne ĵetis ombron. Iliaj branĉoj estis nudaj, sen pingloj, kaj malgaje disetendis sin, kiel la manoj de malsatanto sin etendas malgrase, skelete por peti paneron.

Tamen mi sidigis min sur la benkon, ĉar mi ĵus faris longan marŝon kaj estis laca. La vizaĝon mi kovris per la manoj, fermis la okulojn, kaj — mi ne scias, ĉu mi ekdormis aŭ restis sendorma — subite mi havis la senton, kvazaŭ iu alparolus min.

Certe tio estis la pinarboj, aŭ unu de ili, kiuj havis por rakonti iun interesan historion. Mi streĉis la orelojn kaj ekaŭdis neniam antaŭe aŭditan muzikon, kvazaŭ sonoraj voĉoj tenore kaj alde, akompanataj de mallaŭtaj akordoj, kantis harmonian dueton, jen solvoĉe alterne en kortuŝa melodio, jen duvoĉe kune en ravaj kunsonoj.

Komence, trankvile, egalmezure, rakonte:

Estis du bonaj, najbaraj infanoj: Petro kaj Miri. Ili vivis en la sama vilaĝo. En tiu vilaĝo, kiu je distanco de dudek minutoj kuŝas pace inter la riverego kaj la montaro. Ili estis la ĝojo kaj feliĉo de siaj gepatroj. Ili havis la saman aĝon. Ili iris kune lernejon. Ili ludis kune. Ili disputis kune kaj ree ludis. „Unu koro kaj unu animo."

Iom pli viva fariĝis la melodio, kaj nuanceton malgaja.

Venis lia dekkvara jaro. Liaj gepatroj forsendis lin en urbon, por ke li lernu bonan metion. La knabino restis hejme por helpi sian patrinon en la mastrumado. La adiaŭo estis doloriga, sed ne tro.

La melodio fariĝis vivega.

Revenis la knabo. Altstatura li fariĝis, energiaj liaj vizaĝtrajtoj, fajra lia okulo, kuraĝa lia koro. Ruĝiĝis la knabino, kiam ŝi revidis lin. Ankaŭ ŝi ŝanĝiĝis. Beltalia ŝi nun estis, vizaĝon ŝi havis — pentrindan, la peza hararo estis aranĝita kvazaŭ krono super ŝia kapo. Ŝia apero estis kiel la apero de l'matenruĝo, ĉarma kaj ravanta. Li premis kore la manon de la virgulino, kisis ĝin, — eĉ pli, li premis ŝian gracian korpon kontraŭ sia brusto, volis en la unua petola ekkuraĝiĝo kisi ŝian dolĉan ruĝan buŝon; sed ŝi deturnis sin, liberigis sin el lia ĉirkaŭpreno, forkuris kaj restis nevidebla por kelka tempo.

Moliĝis la melodio. Tremantaj tonoj plenaj je sopiro kaj emocio miksiĝis en ĝin. La eterna kanto de amo kaj feliĉo.

Petro, la junulo, fariĝis taŭga subtenanto de sia familio. Sed dum la laboro li ne forgesis Miri, la filinon de l' najbaro. Kial ŝi kaŝas sin de li? Ĉu ŝi ne plu ŝatas lin? Ĉu li nedece kondutis je ŝi? — Samtempe Miri en sia trankvila hejmo senĉese pensis pri li, pri la forta sed, ho, tiel feliĉiga ĉirkaŭpreno; sopiris je li, je lia kiso, kiun ŝi rifuzis. Kiun li pensas pri ŝia rifuzo? Ĉu li ofendiĝis? — Venis kermeso. Jen en dancejo ili revidis unu la alian. Kiel aminda ŝi aspektas en sia nova festa robo! Por li ŝi ornamis sin. Por li! Estis ŝia unua balo. Hej, kiel ili ambaŭ dance rondflugas tra l'salono! La plej bela paro, pro Dio! Post la balo li akompanis ŝin hejmen. Kiel ofte li faris tion antaŭ jaroj! Sed hodiaŭ li akompanis ŝin kun tute aliaj sentoj ol tiam. Li sciis, ke li akompanas fianĉinon. Antaŭ la pordo de ŝia hejmo li prenis ŝian kapeton inter siajn manojn kaj premis varmegan, longan, senfine intiman kison sur ŝiajn dolĉajn lipojn, kaj volonte ŝi lasis fari tion. — Alian tagon ili kune migris sur la altaĵon kaj sidadis sur la benko sub la du pinarboj, ĝuste tie, kie nun sidas — —

La kanto fortiĝis. Belegaj tonoj de ĝojo kaj jubilo kondukis la melodion.

De l' alta ĉielo gaje ridis la suno. — Trilis alaŭdoj en blua aero. Kaj sur la benko sidis la geamantoj, nesciante kion komenci pro ĝojo kaj alta ĝuego. Subite —

Ankoraŭ plifortiĝis la kanto. Plej altan gradon de homa ĝojego kaj surtera ĝuego resonis la melodio. Sed kordo tro forte streĉita ŝiriĝas. Mistono! Ekblovas vento tra branĉaro. Defalas pingloj-folioj. Ploras anĝeloj.

Li tenis ŝin en siaj brakoj. Ŝi estis senkonscia, pala; ŝiaj okuloj fermitaj, ŝia hararo malligita, ŝia vestaĵo malorda. Kiam okulojn ŝi malfermis, estis en ili legeblaj senmezura malgajeco kaj timemo sed ankaŭ silenta dankesprimo. Kaj lacega ŝi lasis sin hejmen konduki — kaj ploris.

Akra eksono de trumpetoj. Obtuza tondrado de tamburoj akompanas la daŭron de l' kanto vivega.

Milito! Bataliri devas fortaj junuloj. Patrujon defendi. Hejmon protekti. — Ree ili sidas sur la benko. Trankviliĝu, kara Miri! Ne ploru! Post tri monatoj mi revenos — heroo! Tiam ni geedziĝos, kaj neniu rajtos insulti vin! Adiaŭ, karulino, preĝu por mi!

Fanfaroj! Sonorilado! La kanto denove fariĝas ĝoja, fajrega, entuziasmiga, sed kunsonas malbonaj antaŭsentoj.

Venko! Venko! anoncas la telegrafo! Venko! Venko! sciigas la leteroj de l' soldato. Brilas okuloj de knabino pro fiero, sed vualo de larmoj ofte malklarigas ŝian rigardon. Antaŭ la krucifikso ŝi genuas, manojn ŝi etendas al la Savinto, preĝante: Per la graco de viaj sanktaj vundoj savu, ho Dio, la amaton! — Intertempe pasas la monatoj. Milito ne ĉesas. La amato ne revenas.

Eksplodo! Terurego! Kaj — monotona sonorado de mortsonorileto.

Miri tenas telegramon en mano. Tremas pro ekscito. De li, ho, de li! Ses semajnojn ŝi atendis — nenia vivosigno. Nun la telegramo. Ŝi disfaldas ĝin, legas — — Ekkrio! „Li mortis la morton de heroo."

Malgajega fariĝas la melodio. Sed subite furiozaj ruliĝoj. Frenezaj sonsaltoj. Kaj finfine — mortsilentado.

La mondo enfalas super Miri. Perdita la koramato! Perdita la honoro! Kion diros la gepatroj, la najbaroj, la tuta vilaĝo? Sur altaĵon sin trenas Miri, trenas kun si sian mortevunditan koron, trenas kun si sian nenaskitan infanon; faligas sin sur la benkon apud la du pinarboj, kie ŝi perdis sian senkulpecon. Frenezo ŝin atakas, ponardon ŝi tiras el faldoj de sia bluzo, ŝtalhelan, fulmbrilan, akran ponardon — — Oni enterigis ŝin sur la sama loko. Krucon oni ne starigis por ŝi, ĉar ŝi estis pekulino-memmortiginto. Jam nenia postsigno supozigus tombon. Pro funebro pri tiu malĝoja homa sorto la du pinarboj perdis la reston de sia pinglaro-foliaro.

Ĉu mi dormis? Ĉu maldorme mi sonĝis? Mi ne scias. Metis la manojn for de l' vizaĝo, levis la okulojn, ĉirkaŭrigardis.

Silentado proksime kaj malproksime. Morta silentado. Sufoka tagmeza atmosfero.

Malrapide mi leviĝis, serĉis du krudajn bastonojn kaj fiksis ilin krucforme en la teron inter la du pinarboj.

(I-a porprozaĵa premio de IX-aj Int. Floraj Ludoj.)

---

# LA VIRINMALAMANTO

LODE BAEKELMANS*



La malhelo de l' stratoj kaj la malica hazardo pelis sinjoron Duyvenstaert, je la unua fojo en lia vivo, en kinematografejon por tie serĉi distriĝon.

Sinjoro Duyvenstaert estis tre bigota kaj tre timema homo. Kiel ruza arĥitekturisto-entreprenisto li akiris riĉecon, kaj krom tio, laŭ sia plej bona konvinko, li ĉiam fervoris por publika sekshontemo kaj ĉasteco.

La bonmora, riĉa fraŭlo estis malalta kaj maldika, ŝtelpromenis ĉiam en nigra redingoto kaj tro alte faldlevita pantalono, portis ĉiam oran vidilon kaj ofte streĉis pripensante sian senbarban mentonon. Lia brunkolora vizaĝo jam aperigis la unuajn sulketojn de l' kvardekjarulo, kaj en lia mallonge tranĉitaj lipharoj kaj liaj malordaj nigraj haroj ekaperis la unuaj arĝentaj fadenetoj.

Li demetis sian bulan ĉapelon, kiam li malfermis la pezveluran kurtenon kaj ekstaris en la mallumo. L' aero surpezis lin, antaŭ liaj okuloj kuŝis profunda ombro malantaŭ kiu lumis la fantoma filmludado.

Hezitante li iris antaŭen, sufoke kaj malcerte. Li ektimis. Voĉo flustris kaj viro iris antaŭ li por montri al li la vojon. Obeeme li sekvis la serviston preter malhelaj homgrupetoj . . . Pianoludado sonis. Laŭte seĝo malsuprenklakis, post kio flustra voĉo demandis lin, kion li deziras trinki.

Apenaŭ li estis sidanta kaj provizita je limonado, venis kaj sidiĝis apud li svelta sinjorino, sekvata de tre parfumita pli malalta virino, kiu eksidis je lia dekstra flanko.

*) LODE BAEKELMANS naskiĝis en Antverpeno en la jaro 1879. kaj estas unu el la plej famaj nuntempaj flandraj verkistoj. Li pentras laŭ la realeco, sed ne forigas la humoron. Li estas subestro de l' Antverpena popolbiblioteko, kies katalogo enhavas apartan Esperantan fakon kun pli ol 400 libroj. (Noto de l' tradukinto.)

Strangaj sentoj kaptis Sinjoron Duyvenstaert en la mallumo. Li sentis sin strange konsternita, en sia embaraso li ne povis fiksi siajn pensojn sur la fantomludadon. Kiam li movis sian maldekstran brakon, li tuŝetis la sveltan sinjorinon, kaj kiam li ja volis gustumi el sia glaso, ŝajnis al li, ke la malgranda gantita mano de lia dekstra najbarino dolĉe ripozas sur lia mano. Kaj la virina odoro leviĝis ĉirkaŭ li, la akra parfumo de l' malgranda kaj la milda violodoro de l' granda.

Sinjoro Duyvenstaert konfuziĝis, li sentis, ke lia koro batas pli rapide, ke lia sango tumultas al lia kapo. Li volis ekstari kaj eviti la malkvietan eksciton, sed tentanta ensorĉo paralizis lin sur lia seĝo.

Fine la lumo ekbrilis tra la longa salono, la orkestro ludis gajan arion, kaj la homvoĉoj zumzumis. Lia kapo brulis, li soifis, trinkis avide kaj ŝtelrigardis ĉirkaŭen.

La svelta sinjorino portis nigran gigantan ĉapelon kun blankaj plumoj. La malalte dekoltita, kremkolor-punta bluzo lasis la blankan, vivantan karnon nuda. Ŝia volupta korpo sidis premate kaj konturite en ŝiaj vestaĵoj. Dum sinjoro Duyvenstaert rigardis al ŝia grasa sino, ŝiaj grizaj rigardoj penetris rapide en liajn okulojn. Ŝia vizaĝo estis flora kaj freŝa sub la blonda hararo.



Sigismondo Strobl : Finale

Nun li rigardis dekstren kaj lia malserena konfuzo ankoraŭ pligrandiĝis. Ŝi estis maldika, knaba persono, kiu sidis kun krucigitaj kruroj apud li . . . Sangruĝa, malstreĉa bluzo ekaperis el la griza mantelo. Ŝia kolo estis bruna. Sur sia kapo ŝi havis veluran pastran ĉapeleton kaj ŝia vizaĝo estas kovrita per bruna vualeto, kiun makulis strangaj insektbildetoj. Malantaŭ la vualeto ŝtelrigardis du karbnigraj okuloj kaj koloris ruĝaj, malfermitaj lipoj kaj brilantaj dentoj.

La lumo denove estingiĝis je la kontento de sinjoro Duyvenstaert. Li penis nun por sekvi la filmludadon, sed la virina odoro tro maltrankviligis lin kaj la grizaj demandaj okuloj kaj la malhelaj brilaj okuloj persekutis lin. Precipe tiuj malhelaj ŝtelrigardantaj okuloj en siaj pentritaj kavoj estis kvazaŭ araneoj en sia reto.

Sinjoro Duyvenstaert sentis sin superŝutata per pekaj sentoj... Dum jaroj tio ne plu okazis al li. Kaj la hontiga aventuro el lia juneco, kiu mortigis en li la deziron kaj vekis lian malamon por la virinoj, aperis denove antaŭ lia malklara spirito.

La kaprican ludadon sur la tolo li rigardis mirkonfuze . . . La pianoludado ŝpinis revon ĉirkaŭ li. En la malhelo brilis kelkaj ruĝaj lampetoj.

Kiam li estis akademilernanto en la klaso de arĥitekturo, venis en li, per la interrilatoj kun kamaradoj, la unua peka deziro al virino.

Lin la knaboj ĉiam elektis por fari konfidajn, misterajn komunikojn. Ili parolis pri la klaso de l' vivanta modelo, kie oni desegnas laŭnude.

La nudo ekhavis teruran allogon por Duyvenstaert. Ĝi persekutis lin tage kaj nokte, kaj ĉiufoje la knaboj denove komencis sian ekscitantan rakontadon.

Iun tagon okazis la plej malbona kaj samtempe la elreviĝo.

— Duyvenstaert, nun vi povos rigardi, — flustris pentristo — venu.

Kaj Duyvenstaert kuniris. La pordo de l' pentrejo estis duonmalfermita. Silente ili enŝtelis sin, la pentristo, Duyvenstaert, kaj tri kunkulpuloj.

Kaŝilo staris antaŭ la pordo.

— Rampu nun sur miajn ŝultrojn, flustris la pentristo, kaj bone rigardu. Poste ni rigardos.

Liaj manoj alkroĉiĝis super la ekranego, liaj okuloj vagis spionante tra la pentrejo kaj li vidis la modelon ! . . . Dum unu momento

nur, ĉar sub li la ŝultroj retiriĝis, la ekranego ŝanceliĝis . . . Li aŭdis retenatan ridadon kaj obtuzan bruon, kaj virina voĉo ekkriis. Tiam li falis antaŭen, en nubon de polvo . . . Iomete li restis kuŝanta, duonsvena per la falo kaj la timo, tiam li rapide ekstaris plorante kaj forkuris tra la koridoroj en la straton.

Tie la bubaĉoj staris ridegantaj de plezuro. Li ploris pro kolero kaj hejme, antaŭ la spegulo, li vidis sian vizaĝon kvazaŭ makulita, kun koto el polvo kaj larmoj.

De post tiu tago Duyvenstaert ekmalamis la virinon.

La memoro estis bona admono nun, kiam la hazardo tiel strange kondukis lin en la kinematografejon, meze de l' virina delogo.

Time li forigis sian dekstran brakon de l' apogilo, kie li kredis denove senti dolĉan ektuŝon. Feliĉe la lumo venis kaj verŝis klaran, blindigan blankon tra l' salono. Li ne plu kuraĝis rigardi al la deziriga sino, nek al la malhelaj-malsekaj okuloj malantaŭ la vualeto.

La kelnero ektimigis lin.

— *Trois, Monsieur?* *)

Li volis diri ne kaj kapsignis jes. Pli da trinkmono ol li iam intencis cedi, li donacis.

La blanka lumo disiĝis en fajra ruĝo, kiu malheligis la vizaĝojn. Li sentis la kruron de la sveltulino sin premi kontraŭ li, li vidis la okulojn de l' alia pli profunde brili, dum ŝi flustris dankon.

Tiam revenis la timiga malhelo kun ruĝaj lumpunktoj, kun ombroj de homoj kaj pianoludado.

Li ekŝvitis malvarme. Kia malfeliĉo pendis super lia kapo! Li sentis karesantajn manojn sur siaj manoj, kiujn li tenis konvulsie alkroĉitaj sur la apogiloj.

— Mi tre ŝatas amscenojn, — konfidis la gracila kun sentimentala kortuŝemo.

Ŝia sino tuŝis preskaŭ lian vangon dum li kliniĝis flanken. Li nenion diris.

— Tiel sidi en la mallumo kaj pensi al amo, — flustris ŝi denove, — mi estas tiel sola kaj mi deziras seriozan viron.

— *Chéri* **), flustris la alia, venu kun mi se la komedio vin tedas! . . .

— Ĉu vi ne ŝatas korpulentan virinon?

— Mi ja ŝajnas maldika, sed virino kun nervoj estas pli preferinda ol dika . . .

*) Tri, sinjoro?
**) Karulo.

Ĉu li revis aŭ ĉu estis realaĵo? La virinoj sidis rigardante antaŭ sin, al la tolo. Ili rigardis tiel fikse atentante, ke li dubis. Sed la brakon de l' maldika kaj la kruron de l' svelta li sentis tute certe.

Ne estis pli longe elteneble en la infera tentado. Kun skuo li ekstaris, sin tordis senparole preter la mola kunulino, la plumoj de ŝia ĉapelo karesis ankoraŭ lian vangon, kaj li forŝanceliĝis tra la mallumo. Retenata ridado persekutis lin, dum li tremante kaj konsterne forkuris tra l' salono.

En kian malbonmorigan marĉon li estis enirinta! . . . Li eksentis abomenon dum li malsuprenfaligis la kurtenon malantaŭ si kaj staris en la hela koridoro, ĝoje ke li forsavis sin el nekonataj danĝeroj.

Dum momento li staris pripensante la aventuron. Neniam li estis tiel proksime al abisma rando, neniam li estis tiel minacata de l' malbono kaj li preskaŭ falis sub la tentado.

— *Chéri*, flustris la maldika, kiu estis sekvinta lin kaj nun staris apud li, mia amikino ankaŭ komprenis, ke vi preferas min. Venu! . . .

Terurite Sinjoro Duyvenstaert malantaŭenpaŝis ĝis la ŝtuparo de l' kinematografejo.

— Kien? li demandis raŭke.

— Nu, al hotelo! . . .

Tiu nura vorto savis lin de l' malbono.

— Atendu, li diris, kaj serĉis febre en sia vestopoŝo, aperigis ruĝan kaj flavan karton, evitis renkonti ŝiajn allogajn rigardojn, dum li transdonis la kartojn.

— *Voilà!* . . .*)

Kaj, kvazaŭ la diablo persekutus lin, li kuris en la malluman straton por sin forsavi de l' profundaj brilaj okuloj.

Konfuze la virino rigardis, mirigita pro la stranga konduto, poste legis senvole. Sur la flava karto estis presite: „Leĝojn! Leĝojn! por batali kontraŭ la malĉasteco!" — Sur la ruĝa: „La parig- aŭ rendevuejoj estas la abismoj de l' malĉasteco."

— Kia strangulo! — ŝi pensis — li certe estas freneza. Ŝi kore ridis, reiris, malfermis la kurtenon, kaj vidis la salonon sin banantan en brilanta lummaro.

Kun afabla permeso de l' aŭtoro el la flandra:

JAN VAN SCHOOR

*) Jen.



K. DE KALOCSAY

# MAJA * IDILIO

DED. AL S-INO H. G.







En verdon venu, kara!
La reto foliara
Ornamos vin per punta sunradi'
Kaj sternos la herbaĵo
Laŭ via flirta paŝo
Tapiŝon silkan, ho amata vi!
Interkroĉinte manojn
Ni ilin ekbalancu!
Ni ludu nun infanojn,
Ni ludu, kantu, dancu!
Ĉu vi vidas ke ridas maja bril',
Sun-oro, sonoro, gaja tril'!?
Hararon vian danda vent'
Karesas kaj konfuzas . . .
Ne ridu pri la stranga ŝent',
Sed ĝin mi ekĵaluzas.
He, vento vanta, aroganta!
La mia estas tiu or'!
Ĝin mi sopiris, ĝin mi akiris,
Sinjoro Vento! Manojn for!
Ho kara, pro la ŝerc' vi ridas
Kun kora, sonora arĝenttril' . . .
Pro l' voĉ' en mia kor' eksidas
La dolĉa, la sorĉa maltrankvil'.
Ĉu sentas vi la vibron
Penetri ĉiun fibron?
Hej ho, la doloro mensogas!
Hej ho, nin printempo allogas!
Allogas nin Maj'
Por ĝojo, por gaj',
En sinforgeson ebrian...
Ekkantu ni kanton ĝian:

> Printempo!
> Briltempo!
> Jen venas pareto:
> Infanoj
> Kun manoj
> Tenataj por peto.
> Do donu trezoron:
> De l' suno la oron,
> Arĝenton: torenton kun
> [brila ŝaŭmjeto!
>
> Serenan
> Veluron
> De blua ĉielo,
> Kaj plenan
> Purpuron
> De roza mantelo
> Kaj perlojn de roso
> En milda ripozo
> Sur arbo, sur herbo por
> [festa juvelo.
>
> Kaj donu profundan
> Spegulon de lag',
> Kaj donu abundan
> Regalon per frag',
> Monduman parfumon
> De violoj, timianoj,
> Respektan branĉzumon
> De la arboj-korteganoj:
>
> Ke estu brilanta
> Kastelo la arbaro
> Por ni, por belkanta
> Dancanta reĝoparo.

Printempe potenca ja estas la koro
Kaj ĉiopova estas la dezir'!
Jen, sin jam klinas al ni por enir'
Branĉaro sunluma: la pordo el oro!
Sub ĝi ni tramarŝu: estrino kaj estro!
Ho aŭdu! ekzumas la venta orkestro
Kanteton kun milde karesa sonor'
Flugintan el nia infan-rememor':

> Iru, iru
> Tra la pord' el oro!
> Diru, diru,
> Kiun amas koro!
> Dancu, saltu,
> Sed ĉe ŝi haltu,
> Kisu, ĉirkaŭprenu,
> Bona Di' vin benu,
> Flagru ĉiam am' en
> Viaj koroj, amen!

Jes ja, vokas la zum'
Nin al ama brakum',
Ni obeu, ho kara, al voko!
Jen la ardo sur lip',
Jen ekbato sub rip',
Jen en brusto la dolĉa sufoko!
Do alvenu, ho ven . . . ho ve . . .
Al Majo kia malobe'!
Ho malica virino spitema,
Jen vi kun petolad' incitema
Vin forŝiras el la ĉirkaŭpren'!
Kiel orfe sopiras la brakoj
Etenditaj por dolĉaj atakoj . . .
Inter ili doloras malplen'!
Kaj kun rido trilanta vi kuras,
Via jupo incite susuras
Kaj la dolĉaj pometoj de l' sino
Sin streĉetas sub bluza muslino,
Kiu ŝvelas en freŝa ventspir' . . .
Sub la ŝarĝo de l'peza sopir'
Mi stumblante ekpaŝas kaj haltas.
Kapreole vi kuras kaj saltas,
Vin jam kaŝas folia drapir'.
Heleno! Heleno! Hej hola! Hej kie?
Sed branĉlabirinto vin kaŝas envie.
Respondu, respondu, Heleno!
Nubiĝis anima sereno,
Kun prema langvoro de la nostalgi'
La koro, la koro sopiras al vi,
Al vi, ho hejmo de mia kor'!
Ne kaŝu vin, ne kaŝu for,
Ĉar tuj mi ekploros infane . . .

...Nur la eĥo respondas min: „vane“...

Sed vi ne ekridas resone.
Ĉu vane do, vane? Do bone!
Se vi ne aŭskultas pri pet',
Do moke naiva, infana kantet'
Vin logu el nest' foliara . . .
Rezistu, se povas vi, kara:

> Heliketo, heliket'!
> Vin elvokas mia pet'.
> Belveteron donis Dio,
> Brilas ros' en sunradio,
> Vokas bona eta hom':
> Venu, venu el la dom'!
>
> Heliketo, heliket',
> Jen mi venis kun paket',
> Estas en ĝi dolĉo, bono,
> Kaj mielo, kaj bombono,
> Piro, pruno ruĝa pom',
> Venu, venu el la dom'!
>
> Heliketo, heliket',
> Ne minacas ŝtonoĵet'
> Nek en puton mi vin ĵetos,
> Nek per verg' mi vin frapetos,
> AMO estas mia nom',
> Venu, venu el la dom'!

Nek tie, nek tie, nek tie, do kie?
Mi serĉas kaj serĉas kaj serĉas ebrie...
Jen, rido, jen, kraketa bru',
Vest' blankas tra branĉara tru',
Heleno! Hej! Ne ludu plu!
Jen baldaŭ nin kovros la vesper'...

Kaj la eĥo respondas min: „esper'“...

> Venton serĉas velo,
> Sunon la vinber',
> Floron la abelo,
> Maron la river',
> Flamon serĉas la tineo,
> Por plezuro kaj pereo,
> Sinon serĉas sin'...
> Kaj mi serĉas vin!

Jam mankas sola paŝo.
Jen blankas vi en kaŝo
Sur dika, mola musko
Sidante en embusko,
Jam sola branĉo kovras vin,
Per mano mi forŝovas ĝin,
Kaj mi trovas vin!

> Ŝafideto, ŝafidet',
> Vana estis panja pet'.
> Vi enuis la ŝafaron,
> Vi sopiris trans la baron.
> Panjo diris: Ve, ve, ve!
> Pentos vi pri malobe'!

Ŝafideto, ŝafidet'!
Vi forkuris en sekret'.
Dum vi vagas for de l' trupo,
Sur la voj' jen venas lupo.
Lupo diras: Mur-mur-mur!
Jam malfrua la forkur'.

Ŝafideto, ŝafidet',
Kiel fiŝo en la ret'.
Lup' soifas vian sangon,
Ĝi jam mordas vian vangon.
Kaj vi diras: Ho, ho, ho!
Kara lup', ne mordu tro.

...Hej, nun mi kaptas vin en sid'!...
Sed... ve ... mutiĝas venka rid'...
Ho ve, ho ve! Vi al ŝafid'
Jam ne similas!
Jen ungoj ekbrilas
Kaj fulmas okuloj
Kun verdaj ekbruloj
De sangsoifa senkompat'...
Vi estas kat'! Vi estas kat'!
Ho danĝer', ho danĝer',
Eĉ ne kato, sed panter'!
Mi vidas sub gluiĝa vesto
La karnon malmolan,
Talion muskolan,
La formojn pompajn de l' reĝina
[besto!
Kaj dum time, treme mi vin miras
En halt',
Via korp' elasta sin retiras
Por salt'
Kaj kvazaŭ diskrevinta ring'
Vi saltas kun sovaĝa sving'...
Teruro...
Kaj tamen... ve... plezuro...
Ĉasisto kompatinda, mi
Kun sufokita kri'
Defalas sen forto...
Do venu mia morto...
Disŝiru koron kun triumf' ebria,
Ĝi estas ja la via!

— — — — — — — — —

— — — — — — — — —

Ĉu mi ankoraŭ vivas, mi morton ne
[suferis?
Jen, mia koro batas eĉ pli ol antaŭ ŝir'!
Jen inter miaj brakoj pantero malaperis
Kaj restis knabineto, ho kia rava mir'!
Rigardas min okuloj, nebulaj pro
[sopir'...

Sed mortis, ho jes mortis la atakanta lup'
Kaj estis nur vizio kaj estis nur inkub'
La sangsoifaj ungoj kaj dentoj de
[l' pantero!
Jen, estas ni kolomboj kun dolĉebria
[kvero:

Ho rozaj nebuloj, sur revaj okuloj,
Dorlotoj kaj luloj! Ho muta aklam'!
Ho kisoj senĉesaj, mil nomoj karesaj,
Ho ĵure promesaj certigoj de l' am'!

Ho spira parfumo, orela ekzumo,
Sufoka brakumo, ardanta proksim'!
Baraktas kaj svenas, jam troe
[plenplenas,
Jam ne plu eltenas feliĉon anim'...

Ging, gang.
Giling', galang'!
Kio vibras tra l' aero...
Ging, gang,
Giling', galang',
Sonorilo de l' vespero...
Kiel la oleo mola
Sur sovaĝa ond' freneza,
Pacon portas voĉ' konsola,
Voĉo milda, voĉ' karesa.
Dolĉe ĉarmas nin trankvil'
Se eksonas arĝenttril'
Ging, gang, ging, gang,
De l' vespera sonoril'...

Salutas jam sur firmament'
Krepuska stelo klara,
Do venu en la freŝa vent'
Promeni kun mi, kara!
Ni iru, iru brust' ĉe brusto,
Jen la maljuna kverka krusto
Atendas ĝuste nin.
Ĝi konfidulo nia estu,
Feliĉon nian ĝi atestu
Ĝia sia vivo-fin'.
Do ĝi orname
La nomojn tenu,
Literoj ame
Sin ĉirkaŭprenu.
Bordere koron ni gravuru,
Tra mezo de la koro kuru
Laŭ pramaljuna tradici'
La sago de la Amo-Di'.

Jen! Ĉu ne majstroverko?
Eĉ la maljuna kverko
Aprobe ŝajnas kapbalanci,
Ke kaptas min deziro: danci
Kiel triumfaj indianoj...
Do donu manojn al la manoj,
Sin turnu amatin', amant',
Laŭ la malnova, gaja kant':

Turnu, turnu, turnu vin,
Sorĉa muelrado,
Brilajn perlojn sen la fin'
Ĵetu dum turnado!
Sorĉa rad', vin turnu nun,
Turnu kun fervoro,
Por ke iĝu ĝojfarun'
Lolo de l' doloro!
Svinge, ringe kaj sen brid'!
Vigle eĥu rid' al rid',
Man' en mano, vid' en vid',
Fine — kor' sur koro!

Ebria, dolĉa sveno nin ekregas,
En kroĉa ĉirkaŭpreno ni falegas,
Senfine longa, longa, longa fal'...
Turniĝas mond', ĝin kovras rozvual'!
Sin al ni klinas la ĉiel' kun steloj...
...Sed rosa herb' nin tiklas ĉe oreloj:
Kun dolĉa laco kaj langvor'
Ni revekiĝas kor' ĉe kor'...

Jam ombroj dense falas,
Nin ili envualas
Kaj najtingal signalas
Kaj lulas branĉa zum'
Kaj vibraj stelobriloj
Tra densaj branĉdrapiroj
La vojon de l' deziroj
Jam montras en mallum'...

Saluton al vi, Nokt-Patrin'!
Vi kovras, vartas, lulas nin.
Infanoj ni, al via sin'
La kapojn klinas fide.
Vi tuŝas nin per bona sorĉ',
Nin Lun', arĝenta via torĉ'
Per hel' aspergas ride.

Ho Nokt-patrin', ho Nokt-
[patrin'!
Jen via lakto estas vin',
Vi verŝas ĝin, vi verŝas ĝin
En sankta horo festa...
Kaj via vino estas kis'!
Pro tiu vin de paradiz'
Kordankon, ho Majesta!

... Kaj paŝas la nokto, post ŝia
[mola paŝo
Sterniĝas karese la nigra silktrenaĵo,
Ŝi paŝas kaj benon ŝi ŝutas,
Ŝin floroj per odoroj, branĉmuro
[per susuro
Kaj griloj per triloj salutas.
Miksiĝas al la florparfum'
La freŝ-odor' de l' hum'
Kaj kvazaŭ sur misteraj kordoj
Obtuze molaj zum-akordoj,
Muzikas la mallum',
Sed tra la mistika sonor'
Trasonas potence la bat' de nia kor'...
Du homoj: atomoj de l' mondo
[kolosa
Altiras sin venke tra spaco ĥaosa!
Kaj kiel du astroj gigantaj,
De longe solece kaj orfe vagantaj
Sin trovas, kunfrapas, ekflamas
[en renkont',
El niaj koroj flagras fajra font'
Ke arderuĝe ekbrilegas firmament'...
Jen estas la Moment'!
Ah, ne moment'.
Jen haltas por jarcent'
La tempo: la envia flu',
Nin Pra-Mistero lulas sur genu'
Por ĉiam plu... por ĉiam plu...
[por ĉiam plu...



# HEBREA INFANO

SALOM ASCH



La patrino venis el la ĉambro de la fianĉino. Ŝi ĵetis lancsimilan ekrigardon sur sian edzon kiu, apenaŭ fininte sian manĝon, sidis apud la tablo kaj antaŭ la postmanĝa preĝo knedis pilolojn el la restintaj panpecetoj.

— Iru vi kaj parolu al ŝi, mi ne plu havas fortecon. Tiamaniere Raĥel Leha edukis siajn infanojn! Per la fingroj la homoj ja montros post nin, ilia mokaĵo ni ja estos, ruiniĝo al viaj jaroj!

— Al miaj?

— Jes, al viaj! Vi devis eduki viajn infanojn pli bone, vi devis sidi hejme kaj ne vagadi en la stratoj kun ĉiuj homspecoj.

— Malica Raĥel! Kial vi riproĉas min nuntempe? La meĥitonim[1] ja devas alveni ĉiumomente.

— Kaj kion vi volas de mi, Menaŝele, he? Pensu je Dio, eniru al ŝi, la homoj ja mokos ŝin?

La edzo sin eklevis de la tablo kaj eniris en la alian ĉambron al la filino; la patrino sekvis lin.

Sur malgranda sofo staranta apud la fenestro, sidis juna knabino de ĉirkaŭ dekok jaroj. Ŝia vizaĝo estis kovrita per ŝiaj ambaŭ manoj enŝovitaj en ŝiaj densaj nigraj haroj, kiuj estis senordigitaj; ŝi verŝajne estis ploranta, ĉar ŝia brusto ŝvelis kaj falis pro ŝiaj ĝemoj.

Sur la lito, antaŭ ŝi, kuŝis sternitaj la dotvestoj, kiujn la tajloro antaŭ nelonge alportis; la blanksilka geedziĝa jupo, la nigra silka festenvesto kaj la ĉiutaga vesto el drapo. Ĉe la pordo staris virino kun nigra banteto sur ŝia kapo, tenante en siaj manoj keston kiu enhavis perukon.

— Ĥanale, ĉu vi vere volas fari al mi honton? La tuta mondo parolos ja pri mi — komencis la patro.

La fianĉino ne respondis.

— Rigardu tion! filino de Mojŝe Grojs, al la filino de Gnendel Freindel plaĉas porti perukon, kaj al filino de Mojŝe Gros ne!

— Ŝi povas esti, tiel mi vivu, pli fiera ol vi, ricevas doton multe pli ol vi! — alhelpis la patrino. La fianĉino restis silenta.

— Vidu, Ĥanale, kiom da sango kaj ŝvito ĝi kostis, ĝis kiam la Dio helpis nin al ĉi tiu bonstato, kaj nun vi volas al ni nuligi la tutan ĝojon. Rememoru Dion, pripensu, kion vi faras! Ili ja ekskomunikos nin! Kaj la Ĥusin[2], li ja piede forkuros!

— Ne plu faru el vi malsaĝulinon — diris la patrino, dum ŝi prenis la perukon de la senmova, ĉe la pordo staranta virino, kaj alpaŝis al la filino.

— Lasu al vi almezuri la perukon; ĝi estas ĝuste de la sama koloro, kiel viaj propraj plektoj! — diris ŝi kaj metis la fremdajn harojn sur la kapon de la filino

La juna knabino eksentis ion pezan sur sia kapo; ŝi ektuŝis per la manoj siajn harojn kaj eksentis inter siaj propraj, molaj, vivantaj haroj ion fremdan, senvivan kaj malvarman. Tremiganta penso trakuris la junan cerbon. Kiu scias, kie la kapo de tiuj fremdaj haroj, kiujn ŝi nun portas, sin trovas nun? Kaj naŭzo ĉirkaŭprenis ŝin, kaj kvazaŭ io malpura ŝin ektuŝis, ŝi ektiris de sia kapo la perukon, ĵetis ĝin sur



Yrjö Liipola: Filino de Jairus

la plankon kaj kuregis el la ĉambro. Patro kaj patrino alrigardis senkonsole unu la alian.

*

Matene, post la edziĝa soleno, la bopatrino alvenis kun granda tondilo, peruko kaj ĉapelo, kiujn ŝi kunportis de sia hejmo kiel donacon al la novedzino. Ŝi deziris esti helpa al la juna edzino ĉe la vestiĝo por la matenmanĝo, sed ŝi estis devigata resti ekstere de la ĉambro, ĉar la novedzino enŝlosis sin en la ĉambro kaj lasis neniun internen.

Kun laŭta ekkrio kuris la maljunulino al sia edzo; tiu lasta tamen kuŝis ankoraŭ ebria sur la planko post la hieraŭa edziĝofesteno, inter aro da onkloj kaj bofratoj, kaj dormis. Ŝi iris do al la novedzo, dekokjara junulo, kun la patrina lakto ankoraŭ sur liaj lipoj, per silka negliĝo vestita. Li promenadas tien kaj reen en la ĉambro kiel malsekigita pudelo kun mallevitaj okuloj. Li hontas rigardi en la vizaĝon de kiu ajn homa estaĵo.

Ŝi do elserĉas la patrinon de la novedzino kaj ambaŭ direktiĝas al la ĉambro de la fianĉino; ili malfermas perforte la pordon kaj eniras.

— Kial vi enŝlosis vin, kara filino? Vi ne devas honti; estas ja hebrea afero! — diris la bopatrino, dum ŝi kisis la junan virinon. La bofilino respondis nenion.

— La bopatrino alportis por vi perukon kaj balan ĉapelon por la eniro en la sinagogon — diris la patrino al la juna virino.

El la apuda ĉambro oni povis jam aŭdi la muzikon ludantan la matensaluton.

— Nu, nu, juna virino, la gastoj jam kunvenas — diris la bopatrino, kaj alproksimiĝis al ŝi por ordigi al ŝi la harojn, la fianĉino tamen retiris per energia movo sian kapon kaj ĵetis sin sur la bruston de sia patrino.

— Mi tion ne povas, kara patrino, mia koro ne permesas, panjo.

Ŝi tenis firme siajn harojn per ambaŭ manoj, ne lasante veni al si la bopatrinon kun la tondilo.

— Memoru la Dion, filino, — petis la patrino — en flamaj riveroj oni rostos en la venonta mondo tiujn, kiuj portas siajn proprajn harojn post edziniĝo; per brulantaj preniloj oni eltiras tie la haraĉojn de tiuj malpiulinoj.

Malvarmo tratremis la ostojn de tiu juna dekokjara virino.

— Kara, ora patrino, — ŝi petis, dum ŝi per siaj manoj firme tenis siajn harojn, kiuj verŝiĝis kvazaŭ nigra, silka ondaro sur ŝian ŝultron.

Stranga sento sin movis en la knabina koro de tiu junulino, ĉe la penso, ke ŝiaj haroj, kiuj kune kun si kreskadis, kun ŝi vivadis, nun devas esti detranĉitaj, ke ŝi neniam, neniam plu havos siajn proprajn plektojn, ke anstataŭ siaj propraj haroj, ŝi de nun nur fremdajn, senvivajn portos, kiuj sur alia kapo estis kreskintaj, sur kapo de homo, kiun ŝi eĉ ne konas kaj ne scias, ĉu ankoraŭ tiu homo estas vivanta aŭ mortinta, aŭ eble jam delonge en la tero putras... Se li nun en la nokto al ŝia lito venos kaj per morta voĉo ŝin petos: „Redonu al mi miajn harojn, redonu al mi miajn harojn!"

Malvarma vento trakuris ŝin ĝis la cerbo de la ostoj kaj ŝi ektremis. Jam ŝi povis aŭdi super sia kapo la tintantan tondilon; subite ŝi liberigis sin el la brakoj de sia patrino, tiris la tondilon el la manoj de la bopatrino, ĵetis ĝin sur la plankon kaj ekkriis per supernatura voĉo:

— Miajn proprajn harojn mi volas porti, Dio punu min!

Kaj nenia admono helpis. La bopatrino forveturis jam en la sama tago kaj forprenis la mielkukon kaj la restintan anseron, kiujn ŝi alportis por la unua matenmanĝo de la juna paro; ŝi ankaŭ volis forpreni sian filon hejmen, sed la patrino de la juna virino diris:

— Tion oni ne povas fari, li jam apartenas al ni...

Kaj sabaton, kiam la junedzino faris la unuan viziton al la sinagogo, oni kondukis la filinon de Mojŝe Grojs, libere kaj senĝene tra la tuta urbo Pjontek, ornamitan per ŝiaj propraj haroj en la sinagogon. Sed la insultaj vortoj, kiuj akompanis ŝin survoje, de la samurbanoj, malaperu en la dezerton, kie nenia homa piedo iam trapaŝis.

*

Estis somera vespero, kelkajn semajnojn post la edziĝo. La juna edzo revenis el la Ŝtibel[3] hejmen; lia edzino jam dormis, la malhela lumo, kiu falis sur ŝin de la malgranda lampo, lumigis ŝian palan vizaĝon, kiu estis videbla ĉi tie kaj tie tra la nigrosilkaj haroj, en kiuj ŝia tuta vizaĝo sin banis. Siajn graciajn manojn ŝi tenis ĉirkaŭ sia kapo, kvazaŭ timante, ke iu detranĉos ŝiajn nigrajn plektojn dum ŝi estas dormanta.

La juna edzo estis ĉagrenita kaj emociita; jam estas la kvara semajno post la edziĝo, kaj ankoraŭ oni ne alvokis lin al la Tora[4] en la' Ŝtibel'. La ĥasidim[5] punas 'lin, kaj hodiaŭ Mojŝe Ĥaim publike insultis lin pro tio ke lia edzino portas siajn proprajn harojn.

— Ornampupo vi estas — diris al li Reb-Mojŝe Ĥaim — kio! Virino ne volas? Li regos super ŝi, estas skribita en la biblio.

La juna edzo hejmenvenis kun firma intenco, alpaŝi al Ĥanale kaj diri al ŝi; „Edzino, estas leĝo de nia sankta Tora, se vi portas viajn harojn, sen ia rekompenco vi meritas eksedz-

iĝan ateston“ kaj tuj poste enpaki siajn havaĵojn kaj iri hejmen al sia patrino. Sed kiam li ekvidis sian junan edzinon trankvile dormantan, kaj kiel ŝia pala vizaĝo ekbriletis el la nigra harkrono, tiam ekmoviĝis en lia koro por ŝi profunda kompato. Li starigis sin antaŭ ŝia lito, rigardis ŝin longan tempon kaj elvokis per mallaŭta voĉo; — Ĥanale, Ĥanale!

Ektimigite ŝi subite malfermis siajn okulojn kaj rigardis mirigite kaj dormeme ĉirkaŭen.

— Natan, ĉu vi vokas min? Kion vi volas?

— Nenion, via kufeto falis malsupren — diris li per mola voĉo. Dume li levis la blankan noktokufon, kiu defalis de ŝia kapo. Ŝi surmetis la kufon kaj volis sin turni al la muro.

— Ĥanale, Ĥanale, mi devas paroli al vi — diris li per pli mola voĉo.

Tiuj vortoj trafis ŝian koron... dum la tuta tempo depost la edziĝo, li preskaŭ ne parolis al ŝi; ŝi apenaŭ vidis lin, ĉar la tutan tagon li sidadis en la ’Ŝtibel’. Kiam li venis hejmen por manĝi, li sidiĝis apud la tablo ne parolante eĉ unu vorton: se li deziris ion, li nur kutimis paroli al si mem, aŭ se li interŝanĝis kun ŝi unu vorton, tiam li kutimis mallevi siajn okulojn kvazaŭ timante rigardi rekte en ŝian vizaĝon. Estis la unua fojo, ke li, dum ili estas solaj en la ĉambro, tiel mole parolis al ŝi.

— Kion do vi volas, diru al mi — ŝi rekomencis mallaŭte.

— Ĥanale, rekomencis li, mi petas vin, ne malsaĝigu min kaj vin en la okuloj de la homoj! Dio ja destinis nin unu por la alia; vi ja estas mia edzino, kaj mi via edzo; kiel aspektas edzinigita virino kiu portas sian propran hararon?

Ŝi estis en parte dormema stato; ŝia pensado estis malvigla, kaj en la sento de malforteco, kiu subigis ŝin, ŝi lasis sian lacan kapon fali sur lian bruston.



Stenberg: Lulilo

— Mia kara infano, — diris li ankoraŭ pli dolĉege — mi scias, ke vi ne estas tiel obstina kiel oni diras, mi scias ke vi estas vera hebrea infano... Ĉu ne? kaj Dio la laŭdata, ankaŭ helpos nin al veraj hebreaj infanoj, forlasu tiun ĉi malsaĝaĵon! kial vi bezonas ke la tuta mondo incitiĝu kontraŭ vi? Vidu, ni ja estas jam geedzoj kaj via honto estas ja ankaŭ mia honto.

Kaj ŝi pensis, ke iu, kiu estis por ŝi tre malproksima, kvankam tre proksima, nun pli alproksimiĝis al ŝi, kaj tiel dolĉe kaj kore parolas al ŝi, kiel neniu iam antaŭe parolis, kaj tiu homo ja estas ŝia edzo, ŝia sola edzo, kun kiu ŝi longajn, longajn jarojn devas vivi, kun kiu ŝi devas havi infanojn, kun kiu ŝi devas mastrumadi.

Silente ŝi apogis sian kapon al li.

— Mi scias, ke vi domaĝas viajn harojn, vian fraŭlinornamon, mi vidis vin, kiam mi gastiĝis ĉe vi, kaj scias, ke Dio donacis al vi graciecon kaj amindecon, tio tranĉas profunde en mian koron, ke oni kuraĝas forrabi viajn belajn harojn; sed kion oni povas fari?... Estas ja leĝo, kaj ni ja estas hebreoj, ni ja pekos antaŭ la Dio, kaj ĉe akuŝiĝo... Dio vin gardu kaj protektu...

Ne dirante unu vorton, ŝi tiris lin dorlote kaj milde al si, tiel, ke lia vizaĝo estis kovrita per la nigra fluo de ŝiaj silkaj haroj. En la haroj viviŝ animo. Li sentis ĝin, dum li delikate kaj karese ĉirkaŭprenis ŝin kaj rigardis ŝin longatempe. En liaj okuloj kuŝis granda peto, petego pri lia feliĉeco, pri la feliĉeco de ili ambaŭ.

— Ĉu mi povas? demandis li, tre mallaŭte, multe pli per siaj okuloj ol per la buŝo.

Senvorte ŝi lasis sian kapon kuŝi sur lia brusto.

Per rapida movo li turnis sin al la ŝranketo kaj elprenis tondilon. Denove ŝi apogis sian kapon kvazaŭ elaĉetan pagon por sia feliĉeco.

Ŝi falis en kvazaŭ partodormeton; konfuzaj sonĝoj kaj fantomoj pasis antaŭ ŝia animo, dum la tondilo tinte bruis super ŝia kapo kaj unu buklo post alia silente malsuprenfalis... tiel ŝi sonĝis la tutan nokton.

*

Kiam Ĥanale leviĝis en la sekvinta mateno kaj ĵetis rigardon en la spegulon, kiu pendis kontraŭ sia lito, potenca timo kaptis ŝin. Ŝi kredis ke ŝi freneziĝis kaj ke ŝi kuŝas en malsanulejo...

Sur la tableto apud la lito, ŝi vidis siajn detranĉitajn mortintajn plektojn. La animo, kiu vivis en ili, dum ili estis kreskintaj sur ŝia kapo, jam forflugis kaj memorigis ŝin pri la morto...

Ŝi kaŝis sian vizaĝon en ambaŭ manoj kaj laŭta plorego plenigis la malgrandan ĉambron.

El la novhebrea,
kun permeso de la aŭtoro:
J. D. APPLEBAUM

*Klarigoj pri kelkaj vortoj uzitaj en la supra verketo:*

[1] Meĥitonim. La gebopatroj de ambaŭ flankoj.

[2] Ĥusin. La fianĉo.

[3] Ŝtibel. Preĝejo de la ortodoksaj sektoj en kiu ili pasigas la tutan tagon eĉ ĝis malfrue en la studo de la talmudo.

[4] Tora. La pergamena rulvolvaĵo sur kiu estas manskribite la kvin libroj de Mozeo, kaj kiun la hebreoj uzas en la preĝejoj por voĉlegi la partaĵon ĉiusemajnan en sabato kaj festotagoj. Por ĉiu partaĵo oni alvokas alian personon, kiu staras sur la estrado dum ĝia legado, kaj tiu ĉeesto estas konsiderata kiel honoro.

[5] Ĥasidim. Ortodoksa sekto.

RIMARKO PRI LA AŬTORO

Ŝalom Asch estas unu el la plej bonekonataj verkistoj en la novhebrea lingvo. Multaj el liaj verkoj estis tradukitaj en germana, rusa kaj pola lingvoj, kaj almenaŭ unu el liaj dramoj: „La Dio de Venĝo" kaŭzis sensacion antaŭ kelkaj jaroj, kiam ĝi estis tradukita kaj prezentita en Germanujo.

Li naskiĝis en Polujo kaj, kiel ĉiuj hebreaj verkistoj, penadas per siaj verkoj eduki la nemulte edukitajn hebreajn laboristojn. kiuj nur povas legi en la novhebrea lingvo. Dum la lastaj militjaroj li loĝis en Usono kaj antaŭ nelonge denove vizitis Eŭropon por studi la vivkondiĉojn nuntempajn de la Hebreoj en Mezeŭropo. La nuna rakonto estas la unua de li, kiu aperas en la Esperanta lingvo.



H. Verschanin: Rabistoj

# DORA

ALFRED LORD TENNYSON

Ĉe Allan, la farmisto, iam loĝis
William kaj Dora — William lia filo,
Kaj ŝi, nevino. Rigardante ilin,
Li ofte pensis: „Ilin mi edzigos".
Sub onklan volon Dora sin submetis,
Al William sopirante; sed ĉi tiu,
Ĉar ĉiam en la sama domo ili loĝis,
Ne pensis pri l' kuzino.
Venis tago
En kiu Allan vokis sian filon,
Kaj diris: „Filo mia, mi edziĝis
Malfrue, sed al mi tre plaĉus vidi
Nepeton mian antaŭ mia morto;
Kaj kore mi pariĝon deziregas.
Nu do, rigardu la kuzinon Dora;
Sufiĉe bela ŝi kaj pli ŝparema
Ol samaĝuloj. Ŝi filino estas
De mia frato. Iam li kaj mi
Kverelis kaj disiĝis, kaj li mortis
En fremda lando; mi pro li edukis
Filinon lian Dora; do ŝin prenu,
Ĉar tiun geedziĝon mi deziris
Nokte kaj tage, dum multegaj jaroj".
Sed William lin respondis kun akreco:
„Kun Dora mi ne povas min edzigi;
Kun Dora ja ne volas mi edziĝi!"
La maljunulo koleriĝis forte,
Pugnigis siajn manojn kaj kriegis:
„Ne volas, knabo, vi respondas tiel?
Sed, dum juneco mia, patra volo
Ja estis leĝo kaj ankoraŭ estos.
Pripensu, William, dum monat'
[pripensu,
Kaj estu la respond' laŭ mia volo,
Aŭ, je la Dio kiu kreis min,
Foriros vi, neniam plu revenos".
Sed William freneziĝis, mordis lipojn,
Ribelis li. Ju pli li ŝin rigardis,
Des malpli amis. Li malafabliĝis,
Sed Dora milde lin toleris. Tiam,
Li antaŭ fino de l' monat' forlasis
La patran domon kaj dungigis sin
Por kamplabor'; duone pro la am',
Duone spit', edziĝis kun filino
De farmservisto, Mary Morrison.

Aŭdante sonorilojn edziĝfestajn,
Nevinon vokis Allan, kaj ŝin diris:
„Knabino mia, mi vin amas kore,
Sed se parolos vi kun tiu viro,
Kiu la filo mia estis iam,
Aŭ ŝanĝos vorton kun edzino lia,
Vi iros for el dom'! Jen mia volo!
Promesis Dora, ĉar ŝi estis milda.
Ŝi pensis: „Ho neeble! Sian volon
La onklo ŝanĝos."
Kaj la tagoj pasis,
Al William fil' naskiĝis; baldaŭ poste
Alvenis malfeliĉoj; ĉiutage
La patran pordon preterpasis li,
Mizera, kaj la patro lin ne helpis.
Sed Dora iom ŝparis kiel eble,
Kaj sendis kaŝe; eĉ ne sciis ili
Kiu ĝin sendis; fine malsaniĝis
Kaj mortis William en rikolta tempo.

Al Mary iris Dora. Mary sidis
Kaj larme rigardadis sian knabon,
Pri Dora pripensante malafable.
Veninte, Dora diris: „Mi ĝis nun
Obeis al la onklo; jen mi pekis,
Ĉar estis mi la kaŭzo de l' malbono,
Kiu al William venis en komenco.
Sed, Mary, pro mortinta la karulo,
Pro vi, virin' de li la elektita,
Kaj pro ĉi tiu orfo, mi jam venis.
Vi scias, ke dum kvin pasintaj jaroj
Ne estis tiel granda la rikolto.
Permesu, ke mi prenu vian knabon,
Kaj mi lin metos antaŭ la rigardon
De mia onklo, inter la tritiko,
Ke, kiam ĝoj' plenigas lian koron
Pro la rikolt' abunda, li lin vidos
Kaj benos pro la jam mortinta filo".

Kaj Dora forkondukis la infanon,
Kaj iris trans la kampo de tritiko,
Kaj sidis sur deklivo nesemita,
Kie papavoj kreskis. Malproksime
La onklo venis en la kampon, sed
Ne vidis ŝin; neniu el la viroj
Kuraĝis lin sciigi, ke l' nevino
Atendas kun la knabo. Dora estus
Levinta sin, irinta al la onklo,
Sed ŝi malkuraĝiĝis. Rikoltadis
La rikoltistoj; subeniris suno;
Kaj jen la tuta lando mallumiĝis.

Sed kiam venis la morgaŭa tago,
Ŝi levis sin kaj prenis la infanon
Denove, kaj sur la dekliv' sidiĝis,
Kaj faris girlandeton el la floroj
Ĉirkaŭaj, kaj ĝin ligis sur ĉapelon
De la infano, por lin fari bela
Eĉ antaŭ la okuloj de la onklo.
Li ŝin ekvidis, kaj la virojn lasis
Ĉe la labor', kaj alveninte diris:
„Hieraŭ kie estis vi? Kaj kies
Infano estas tiu? Kion vi
Ĉi tie faras?„ Ŝi rigardis teren,
Mallaŭte respondante: „Jen infano
De William". Kaj ekkriis Allan forte:
„Ĉu mi ne malpermesis tion, Dora?"
Respondis Dora: „Faru laŭ la volo
Pri mi: sed prenu tiun ĉi infanon
Kaj benu lin pro la mortinta filo".
Kaj Allan diris: „Jen kompleto ruza
Farita inter vi kaj tiu virino.
Ĉu decas, ke la devon *vi* instruu
Al *mi*? Vi sciis mian volon leĝo,
Kaj tamen vi kuraĝis malobei.
Nu, prenos mi la knabon, sed pri vi,
Foriru kaj neniam plu min vidu".

Dirante tion, li la knabon prenis;
Laŭtkriis tiu, forte baraktante.
La florgirlandoj falis al piedoj
De Dora. Ŝi subigis sian kapon,
Kaj tra la kamp' la kri' de l' knabo
[sonis
Pli kaj pli malproksime. Ŝi kurbiĝis
Kaj ploris en solec'. Kaj rikoltadis
La rikoltistoj: subeniris suno;
Kaj jen la tuta lando mallumiĝis.

Do Dora iris al la dom' de Mary
Kaj staris ĉe la sojlo. Mary vidis
Ke la infano ne kunestis; tial
Ŝi laŭdis Dion, kiu helpis ŝin
En ŝia vidvineco. Dora diris:
„La knabon prenis mia onklo, Mary.
Permesu, ke mi loĝu kaj laboru
Kun vi; ĉar li neniam plu min vidos."
Nun Mary diris: „Ho, ne estas eble
Ke vi sur vin malĝojojn miajn prenu!
Kaj jam mi konsideris; li ne havu
La knabon, ĉar li lin malafabligos,
Kaj lin instruos malestimi min.
Do iros kune ni, kaj mi reprenos
La knabon, kaj lin rekondukos hej-
Mi petos, ke li reakceptu vin, [men.
Sed se li jam rifuzos tion fari,
En unu domo loĝos vi kaj mi,
Kaj laborados por l' infan' de William,
Ĝis kiam estos li sufiĉe aĝa
Por helpi nin."
Do la virinoj kisis
Unu alian, kaj ekiris tuj,
Kaj venis al la farmo. Nefermita
La pordo staris; ili kaŝrigardis,
Kaj vidis la infanon, starigitan
Inter genuoj de la avo, kiu
Lin premis per la brako, kaj frapetis
Ameme sur la vangoj kaj la manoj.
Kaj la knabeto manojn etendadis
Kaj babilpetis la sigelon oran,
Pendantan de horloĝoĉen' de Allan
Kaj ekbrilantan per la fajra lumo.
Envenis ili; sed la knab', vidante
Patrinon, kripetegis iri al ŝi.
Lin liberigis Allan. Mary diris:
„Ho patro (se la nomon vi permesas)
Neniam pro mi mem mi ion petis,
Nek William, nek ĉi tiu knabo, sed
Mi petas nun pro Dora, ŝin reprenu!
Ŝi amas vin tre kore. Ho, sinjoro,
Mortante, William sentis sin en paco
Kun ĉiuj homoj; ĉar mi lin demandis,
Kaj li respondis ke li ne domaĝis
Edziĝon sian — mi estis pacienca
Edzino; sed, sinjoro, li konfesis
Ke li malbone agis, ribelante
Kontraŭ la patro. „Dio benu lin!
— Li diris — kaj neniam sciu li
La malfeliĉojn kiujn mi toleris!"
Vizaĝon li deturnis, kaj forpasis.
Ho malfeliĉa mi! Sed nun, sinjoro,
Mi prenu mian knabon for, ĉar vi
Malafabligos lin, kaj lin instruos
Memoron pri la patro malestimi.
Kaj reakceptu la nevinon Dora,
Kaj ĉio estu kiel ĉiam estis."
Parolis tiel Mary, kaj vizaĝon
Ĉe Mary kaŝis Dora. Jen silento
En ĉambro, kaj la maljunul' subite
Ekploris: „Estas mi ja kulpa, kulpa!
La filon mi mortigis, ja mortigis!
Kaj tamen mi lin amis — karan filon!
Pardonu min, ho Dio, min kulpegan!
Infanoj miaj, kisu min!"
Kaj tiam
La maljunulon ili ĉirkaŭpremis,
Kaj kisis lin milfoje. Kaj li tute
Skuiĝis pro pentado, kaj la amo
Centoble venis ree. Dum tri horoj
Li ploris super la infan' de William,
Pri William pripensante.
Do la kvaro
En unu dom' loĝadis; kaj post jaroj
Reedziniĝis Mary, sed, pri Dora,
Ŝi restis virgulino ĝis la morto.

El la angla: LOUISE BRIGGS

# KIAL HAVAS LA VULPO LONGAN VOSTON

A. I. ODOBESCU



Estis foje ĉasisto, kiu, irante al ĉasado, kutimis kunporti sian serviston, kaj reveninte, rakontadis al ĉiuj aŭdemaj aron da mirindaj okazintaĵoj, kiuj de post la kreo de l' mondo al neniu okazis, eĉ ne en sonĝo, kaj ĉe tiu fabelaro neniam li forgesis prezenti kiel atestanton sian kompatindan serviston, veran homon de Dio.

Hodiaŭ tiel, morgaŭ tiel, ĝis kiam iun tagon la nomito, jam sata vane ekzerci konstante la friponan metion de mensoga atestanto, petis de la mastro sian finkalkulon, decidinte lin nepre forsaluti.

La mastro klopodis diveni la kaŭzon de tiu neatendita decido kaj per mildaj vortoj lin demandis: — „Ĉu vi ne kontentas pri via salajro kaj pri la vivo havata ĉe mia domo, ke vi volas min forlasi?"

— „Ke mi ne peku, moŝto", — respondis la servisto; —„ĉio estas bona ĉe vi. Dio al vi ĉion bonan! Sed por diri al vi pure, kaj por ke vi ne koleru: vidu, min turmentas la konscienco pro tiom da falsaj pruvoj, kiujn vi de mi postulas dum la tuta tago, kiam vi komencas, — estu kun via pardono, — kiam vi komencas surtabligi la ĉasistajn troigojn. Ege domaĝas, moŝto, ke mi falu ĝis la fundo de l' fajro Gehena kaj ke mi, malfeliĉulo, portu la tutan akuzon pro la pekoj, per kiuj vi, sinjoro, propravole ŝarĝas vian animon. Lasu min, prefere, foriri kun Dio!"

Tiel parolis la servisto kaj la mastro enpensiĝis; sed konante la valoron de servisto brava kaj fidela, post bona pripenso li respondis jene:

— „Aŭskultu do knabo! Mi vidas, ke vi estas homo dio-tima. Restu ĉe mi kaj helpu min liberiĝi de mia kutimaĉo. Kredu, eĉ mi mem ne volus diri tion, kio ne tre estas la ĝusta vero; sed kion fari kontraŭ la kutimo? Antaŭkuras ja la lango. Do ni agu kiel estas pli bone; ni interkontraktu, por ke ankaŭ mi liberiĝu de difekto tiom aĉa, kaj ankaŭ vi restu en paco kun via animo. Kiam mi estos en societo, vi estu ĉe mia dorso kaj aŭdante, ke mi komencas sterni iun troan troigon, ektiru la manikon de mia vesto, kaj mi tuj reĝustigos ĝin laŭ la esto de l' vero".

Tiel li parolis kaj restis por tiel esti.

Kelkajn tagojn poste, sidante ĉetable, la ĉasisto komencis rakonti, ke okaze de ĉasado ĵus farita, aperis antaŭ li vulpo, kiu havis voston, longan voston, longan minimume kvin klaftojn!

Kiam, en la fajro de la rakontado, li eldiris tion kun la pleja kredindeco, kvazaŭ la afero starus ĝuste laŭ lia aserto, jen, li sentas sin tirata de malantaŭe, je la maniko de l' jako. Li ekmemoris pri la pakto kun sia servisto; li reprenis sian diron kaj korektante, ke en la fervoro de l' ĉaso li verŝajne ne vidis tute bone, malpliigis la voston de l' vulpo ĝis du klaftoj.

Nova ektiro de l' vesto igis lin mallongigi ankoraŭ per unu klafto.

Je la tria, li ĝin etigis ĝis du ulnoj.

Sed ankaŭ nun, sentante la limigemajn efikojn de la konscienco de l' servisto, li konsentis ankoraŭ detranĉi el la vosto de l' vulpo: — „Tute du ulnoj



Johano Pastor: Ministo

ĝuste ja ne estis; — diris li ŝvitante, — sed, je mia honoro, estis unu ulno kaj iom pli!“

La servisto, kiu nun ĝojis kaj en si dankis Dion, aŭdante la mastron ĉiam pli kaj pli liberiĝi de la tentoj de l' Satano, opiniis, ke alvenis la taŭga momento por lin plenpentigi kaj li ankoraŭ unufoje ektiris lian manikon.

Sed la pacienco de l' ĉasisto jam atingis sian plejon kaj subite returninte sin kolerege al sia senindulga cenzuristo, li eksplodis riproĉkriante:

— Ho, fripono! Ne sufiĉas al vi tiom? Kion! Ĉu vi volas, ke mi lasu la vulpon senvosta? Sed prefere vin prenu la diablo milfoje, ol ke mia vulpo restu sen vosto!“

El la rumana: TIBERIO MORARIU

*(El „Pseudo-Chinegeticos“.)**

* „Pseudo—Chinegeticos“ (Falsa traktato pri la ĉaso), fama verko de A. I. Odobescu (1834—1895), eminenta prozisto rumana, estinta ministro, — ŝuldas sian devenon al tio, ke amiko de Odobescu petis lin por skribi antaŭparolon al lia scienca verkaĵo pri la ĉaso. Anstataŭ mallonga antaŭparolo, la amiko ricevis de la fervora verkisto tutan libron, kies parton prezentas tiu ĉi rakonto.

---

# MODERNAJ ROBINZONOJ

TEODORO SCHWARTZ

(Daŭrigo — 2)

II-a ĈAPITRO

## La forkuro

(La leganto ekscias, ke la decido ne estas sufiĉa por la forkuro.)



iel pluvo post longa seko, tiel bone efikis por la senkuraĝaj, preskaŭ senenergiaj kaptitoj la decido pri forkuro. Forkuro — signifis memstarecon kaj viran volforton.

La forkuro nur en la unuaj tagoj de marto povis okazi, ĉar, kiom ajn ili sopiris je libereco kaj freŝa aero, la februaran salajron oficiran (50 jenoj, hodiaŭ 2.000,000 aŭstraj kronoj) neniu estis volinta lasi en la ŝtatkaso de Japanio.

— Kiu scias, por kia celo estas utile, se almenaŭ iom da mono estas en la poŝo? — pensis ĉiu forkuronto.

La unuan de marto jam estis rimarkeblaj tra la fenestro de l' tendaro, sur la neĝmantelo de la rivero „Amur“ kelkaj nigraj punktoj: la unuaj forkurintoj. Cetere la forkuro mem ne estis farita per sagacaj artifikaĵoj de „Monte-Cristo“, kaj oni nur la plej necesajn objektojn intencis kunpreni.

La trian de marto 1920. matene ĉion, kion mi opiniis oportuna aŭ uzebla, mi kolektis en tornistron, kaj mian malgrandan kapitalon (110 jenojn) metinte en monsaketon sub la ĉemizo, kaj notinte adreson de kelkaj kamaradoj por sciigi iliajn parencojn post mia alveno, mi komencis la plenumadon de l' decido.

— Sed skribu! Post kelkaj tagoj... ankaŭ mi sekvos vin! — akompanis min la ĥoro de l' amikaro, kaj mi, kune kun du kamaradoj, per helpo de falsigita por-tendara pasporto, forlasis la tendaron malbenitan. Kompreneble estis kelkaj, kiuj pli romantike aranĝis la forkuron. Ili ŝtele elrampis sub la dratbarilo aŭ sin kaŝis en la balaaĵveturilo forportota.

Ekster la barilo tamen ni ne estis en tuta sendanĝereco. Japanaj patroloj postenis kaj cirkulis ĉiudirekten. Nia falsa pasporto valoris nur en unuversta distanco ĉirkaŭ la tendaro, kaj, tiukaŭze, ni klopodis eviti gastaman renkontiĝon kun japanaj patroloj.

Kelkajn kilometrojn larĝa rivero disigis nin de la urbo, kiun multfoje ni rigardis kun envia sopiro tra fenestroj de niaj kazernoj.

Nur alveninte al bordo de l' rivero ni spiris pli libere, sed samtempe rimarkis, ke akra ventego furiozas ĵetante neĝkristalojn al okuloj, oreloj kaj nuko, kaj enkovris la vojon per senpostsigna tavolo blanka.

Kontraŭ la venta direkto ni devis iri. La glacia malvarmo, penetranta ĝis la ostoj, ne unufoje haltigis nin por froti per manoj la neĝkovritajn partojn de la kapo, kaj tiamaniere zorgi pri ilia sano. Tamen kun tiom granda forto ni antaŭenpaŝis en la neĝtavolo, alta ĝis talioj, ke la ĉemizo malsekiĝis de ŝvitado. La piedoj kvazaŭ maŝine funkciis kaj niaj movoj iom post iom montris nur laciĝon. En la mezo de la rivero ni ripozis. Kiel dolĉe estis entombiĝi en neĝo kaj profunde enspiri la akran aeron tra la malfermitaj lipoj! Tion povas kompreni nur tiu, kiu mem faris militan aŭ devigan marŝadon. Sed malgraŭ ĉiu fortostreĉado, la vojon, kiun en ordinaraj cirkonstancoj oni povas trairi dum du horoj, ni faris en la ventoblovo dum ses horoj.

Kiam ni estis alvenintaj en urbon Habarovsk, jam troviĝis tie 250—300 militkaptitoj. Per tiuj ĉi forkurintoj estis plenigita ĉiu kafejo, sukeraĵejo, bulvardo. La Rusoj estis vere tre

ĝentilaj. Ili nomis nin: „civitano“, kaj niajn pli aŭ malpli entuziasmajn admirojn antaŭ beleta knabino aŭ montra fenestro ili akompanis kun bonkora rideto. Memkompreneble la humoro estis tre vigla, eĉ bona, kvazaŭ ni estus rejuniĝintaj. Ĉio ŝajnis esti en bona ordo, rilate nian aferon. Ĝis nun inter la almilitantaj japanoj kaj la loĝantaro estis partizana (neregula) milito, kaj pro tio ĉiumomente estis ie difektita la fervojlinio. Post la japana pacdeklaracio la partizanoj revenis el arbaroj kaj laborante kune kun la Japanoj rekonstruis, respektive riparis la relparojn por faciligi la baldaŭan evakuadon de la japana armeo.

— Ĉu vi aŭdis, oni diras, ke morgaŭ iros la unua vagonaro en Ruslandon? — diris mia inĝenier-amiko, kiun mi renkontis sur la Bolŝaja Ulica.

— Nu! Ni alkroĉiĝos! Se alimaniere neeble, ni algluiĝos al la radoj! — mi respondis kun ridetanta memkonfido.

Jam frumatene ni staris en la vico, atendante antaŭ la biletkaso, kaj post longdaŭra interpremado fine sukcesis akiri biletojn, kvankam ni estis decidintaj provi la forvojaĝon



Ruth Milles: Sveda kamparanino

eĉ sen ili. La vagonaro, konsistanta el 40 brut-vagonoj, enhavis proksimume 2000 da invalidoj, malsanuloj. La militkaptitoj apartenis al la malsanuloj. Mi enpremis min mezen de 50 vojaĝantojn. La haringoj en barelo ne estas tiome kunpremitaj, kiom estis ni, kaj tamen ni ĝojis pro tiu tumulto, ĉar la natura varmo de la korpoj anstataŭis la hejton.

Neniu estis informita pri la lasta stacio de nia vagonaro. Kelkaj asertis, ke ni seninterrompe veturos ĝis Moskvo, aliaj dubis kaj antaŭdiris nur kelkcentojn da mejloj. Ĝenerale 7—8000 verstoj estis la diferenco inter la opinioj. Kelkajn korojn ni atendis senpacience, dentklake pro malvarmo, je ekiro de la vagonaro. Ni atendis... atendis, sed la vagonaro obstine restis senmova. Subite, antaŭ la vagonaro aperis kapitano kiu, ekscitite, ruĝiĝinte pro la dirota sensacio, kriadis:

— Ĉu vi aŭdis? La Japanoj mortpafis hodiaŭ tri militkaptitojn. Ili volis forkuri ĉe la angulo de hospitalo. Ilin rimarkis la postenstarantoj kaj, je la ordono de kapitano Uheda, ili mortigis ilin.

— Terure! Bruteco! — kriis la militkaptitoj el la vagonoj.

— Kiujn ili mortpafis?

— Piros, Gerber, la nomon de la tria mi ne rememoras!

La tragedia fino de la tri junaj homoj, kiuj mortis antaŭ ol vivi iom, tre konsternis nin, sed pro niaj rigidiĝintaj kaj malviglaj sentoj ni baldaŭ forgesis ĉion, eble pensante, ke dank' al la sorto ne nin trafis tiu malfeliĉo.

Fine! La vagonaro ekmoviĝis kaj la optimistaj matematikistoj jam kalkulis la ĉiutagan mezan rapidecon, kiu estas necesa por atingi dum tri semajnoj Eŭropon. Nur tio estis ĉagrena, ke neniu el la fervoja oficistaro povis certigi nin pri la lasta stacio.

Tre malrapide, kvazaŭ rampante trenis nin la lokomotivo. Ses tagojn daŭris la vojaĝo ĝis Blagoveŝĉensk kaj ĉi tie unu el la oficistoj, kun kiu mi parolis pri nia malhela sorto, kvazaŭ petegante persvadis min:

— Ne iru plue! Restu ĉi tie! En la urbo vi ricevos laboron. La malkareco ebligas modestan vivon. Pli malproksime nenion oni produktas kaj la tuta ĉirkaŭaĵo estas malsatanta teritorio, ĉar la Japanoj ne forlasis la Zabajkalan regionon. Volante nur vian bonon mi konsilas, ke vi restu ĉi tie ĝis la situacio estos pli favora!

Kelkajn el ni la boninteneca averto influis, sed la plimulto decidis daŭrigi la vojaĝon.

Ankoraŭ dek tagojn ni estis skuataj per malrapida antaŭenpuŝado kaj la farita vojo apenaŭ atingis 800 verstojn, ĉar la pontoj estis detruitaj kaj oni konstruis provizorajn el traboj kaj subrelaj lignostangoj.

Gazetojn dum la tuta tempo ni ne povis ricevi, kvankam en tiu tempo kiu ajn sciigo estus povinta tre grave influi niajn decidojn. Foje, nokte, haltis la vagonaro kaj oni tuj sciigis nin, ke ĝi ne povas plu daŭrigi sian vojon, ĉar baras la vojon milita fronto.

Malĝojigite kaj malbenante la tutan aventuron ni promenis inter la relparoj. Kion fari? Reiri aŭ antaŭen!? Neeble, ke fronto ekzistas, ĉar tio kontraŭdirus la pacdeklaracion de la Japanoj. Dum la sencela marŝado tien kaj reen mi rimarkis, ke oni du vagonojn alkroĉas al la lokomotivo. Tuj irante tien por informigi min, mi demandis per neperfekta lingvokono:

— *Kuda?* Kien?

— Al Kseniovskaja! — estis la respondo.

— Tie estas la partizana komandantaro kaj oni venigas nin por labori! — klarigas iu el la rusoj.

— Ĉu ne estus eble, ke vi kunportu min?

— Civitanoj ne povas vojaĝi kun fervojlaboristoj? Ĉu vi estas laboristo?

Forlasinte ilin mi pritraktis la aferon kun miaj samsortanoj kaj anoncis sin tuj dekunu el ili, kiuj estis emaj alpreni la taskojn de fervojlaboristoj. Dum la sama nokto ni forlasis la ceterajn.

Kseniovskaja. Lasta stacio. Malgranda vilaĝo, kie oni povas nenion ricevi de la naturo, krom oro. Kiam foje mi demandis iun, aludante pri la du batalantaj partioj: „Kia estas la loĝantaro, ruĝa aŭ blanka?" — la respondo estis: „Flava!" — Ili amas nur la oron.

Ni komencis la laboron. La ŝarĝon de la ĉiutagaj zorgoj plimalpezigis la espero, ke ni baldaŭ estos povantaj daŭrigi la vojaĝon. Sed estis vane, ĉar el tagoj fariĝis semajnoj, eĉ monatoj. Ĉiam pli kaj pli da militkaptitoj venis al nia ĉirkaŭaĵo. Multfoje ni priparolis nian sorton kaj, por plibonigi ĝin, estis plektitaj fantaziaj planoj, sed vane. Nur pri unu punkto ni estis konsciaj, ke post la forpaso de monatoj junio kaj julio atendas nin la terura Siberia vintro, kiun ni jam bone konis kaj timis.

Tri monatoj pasis for de la tago kiam ni forlasis la militkaptitejon, kaj la sola rezultato de nia aventura decido estis: ke ie, kie la 25-an de majo neĝas kaj metrojn alta blanka tavolo kovras ĉion, ni povis manĝi salitajn fiŝojn post la animojn kaj korpojn muelanta laboro.

Oni devis fine decidi ion. Pro tio je la 29-a de majo estis kunvokitaj la militkaptitoj el apudaj stacioj por pritrakti definitive la estontajn agadojn.

*(Daŭrigota)*

*(Premiita dum la IX-aj Floraj Ludoj)*

## MORTEMULO

MARIE UNDER

Volas liberiĝi vi de l' vol', liberiĝi de la devkaten',
Ĉar severo ĝi, kaj doloro ĝi, instigadas ĝi vin al malben'.

Kvazaŭ ŝton' sur lipoj fierec'. Virga estas ĉiu via sent',
Sed lepore tremas koro jam. Pikis langon la demandoj ĝis turment'.

Nin verŝajne, antaŭ nia viv' sur ĉi tero, oni ŝiris jam de io for,
Kion amis sinforgese ni: jes, nun disŝirita estas kor'.

Ĉu alie estus la anim' kvazaŭ eĥo? Kaj la homa viv'
Nur senfina, peza sopireg', nur eterna voko kaj soif'?

Kiel nokto pro mallum' suferas, tag' pro lumpotenc',
Tiel hom' — estanta tag' kaj nokto kune, pro la fino kaj komenc'.

Haltas vi: turniĝas senlimec' brileganta preter via kor' —
Jen vi brulas nun. Estingiĝos vi. Pri vi cindro estos sola rememor'.

El la estona: HILDA DRESEN.

*Rimarko.* — Marie Under estas konsiderata la plej bona nuntempa estona poetino. Ŝiaj unuaj tri poemaroj enhavas poeziaĵojn graciajn kaj sentoriĉajn. Belaj estas ŝiaj naturpriskriboj pro la multeco de ĉarmaj, trafaj komparoj. En la lastaj jaroj la temo de ŝiaj poemoj pli kaj pli serioziĝas. La poemoj „Mortemulo" kaj „Vespero" apartenas al la poemaro aperinta en 1923. La poetino afable permesis, ke oni traduku ŝiajn verkojn Esperanten.

# MELODIOJ DE LA „MAJA IDILIO“

## Iru, iru... (Moderato)

K. de Kalocsay

I-ru, i-ru tra la pord' ol o-ro,
Di-ru, di-ru ki-un a-mas koro?
Dancu, saltu, sed ĉe ŝi haltu
kisu ĉirkaŭ-prenu, Bona Di' vin benu, Estu ĉiam am' en viaj koroj a-men.

## Heliketo... (Allegretto)

M. Sárossy

Heli-keto, heli-ket', Vin elvokas mia pet', Belveteron donis Dio
Brilas ros' en sunradi-o Vokas bona e-ta hom': Venu, venu el la dom'.

## Ŝafideto... (Allegretto)

K. de Kalocsay

Ŝafide-to, ŝafidet', Vana estis panja pet', Vi enuis la ŝafaron
Vi sopiris trans la baron. Panjo diris: ve, ve, ve, Pentos vi pri malo-be'.

rit. — a tempo

## Ginggang (Andantino)

M. Sárossy

Ging-gang, giling-galang, Kio vibras tra l'aero. Ginggang giling-galang, Sonorilo de l' vespero

Valse lento

Kiel la oleo mo-la sur soraĝa ond' frene-za Pacon portas voĉ' konsola Voĉo milda voĉ' ka-
resa. Dolĉe ĉarmas nin trankvil' ŝe, sonas argent-tril'. Ginggang giling-galang De l' vespera sonoril'.

a tempo — rit.

## Turnu... (Moderato)

M. Sárossy

Turnu, turnu, turnu vin, sorĉa muel-rado, Brilajn perlojn sen la fin' ĵetu dum turnado.
Sorĉa rad' vin turnu nun, turnu kun fervoro, por ke i-ĝu ĝoj' farun' lolo de l' doloro. Svinge, ringe
Kaj sen brid' rigle eĥu rid' al rid', Man' en mano vid' en vid' fi-ne. Kor' sur ko - ro.



D-RO LEONO ZAMENHOF

# MONDLITERATURA KAJ MONDARTA OBSERVO

TIEL, ĜIS SENFINECO AŬ LA INSEKTA DRAMO. — „La insektdramo estas granda satiro. Vidinte ĝin, oni estas pensema, preskaŭ sensentigita, tiel vivsimila estas ĝia elmontro pri la mallongeco kaj malgraveco de la hodiaŭa individua vivo, pri la malbeleco kaj senĉesa daŭriĝo de la vivbarakto de milionoj da homaj estaĵoj. „E. S. P. en „Workers, Dreadnought." Ĉi tiu dramo estas unu el du tradukitaĵoj el la verkoj de ĉehaj dramatistoj, la fratoj Ĉapek. La unua „Rossom's Universal Robots" (La tutmondaj laboristoj de Rossom) altiras homamasojn ĉiunokte, la alia ankoraŭ ne estas tiel bone konata, sed ambaŭ estas mirinde potencaj dramoj, tute malsimilaj al la kutimaj teatraĵoj, kaj plenaj je instruado por pensemuloj.

En la prologo, vagisto (S-ro E. Willard) dormas surtere, ĝis stulta kolektisto, kaptante papiliojn per reto, vekas lin, kaj li sidiĝas por observi kaj pririmarki la sekvontajn scenojn.

„Inter la Papilioj" estas stranga, nekutima spektaklo. Sur monteto staras trinkejo, kie sidas brile, laŭmode vestitaj junulinoj kune kun siaj amistoj kelkaj jam ne junaj. Inter ili estas poeto, soldato, kaj sinjoro frakvestita. La vagisto diras, ke ili kune *ludas,* sed la papiliokolektanto informas lin, ke tio estas seksa konkurso. La viroj ĉasas la virinojn kiuj vice allogas kaj forflugas. Ĉiuj havas flugilojn kaj antenojn. Ili estas homaj papilioj, plezurserĉantoj, kiuj „nek laboras, nek ŝpinas". „Rampantoj kaj Grimpantoj", estas tre lerte prezentitaj. La herbo kaj floroj ŝajnas grandaj kiel arboj, ĉar la sceno okazas en la lando de malgrandaj bestetoj. Eniras gesinjoroj Nekroforo (blapso) kun granda bulo da sekigita koto, kiun ili nomas sia „amaso". Ili reprezentas la amasigantajn komercistojn aŭ negocistojn kiuj kolektas monon kaj ne scias kiel uzi ĝin, timas perdi ĝin, kaj emas havigi plu.

*S-ro Nekroforo:* „Nun ni havas nian malgrandan amason, kiun ni tiel antaŭdeziris, ni devas labori, kaj labori por fari alian."

*S-ino Nekroforo:* Kial alian?

*S. N.:* Stultulino — por ke ni havu du, kompreneble.

*S-ino N.:* Du? Tute prave, tute prave, du.

*S. N.:* Nur imagu — du, almenaŭ du, eble tri. Ĉiu, kiu faras unu amason devas fari alian...

*S-ino N.:* Nia nest-ovo. Ho Dio mia! Mi esperas, ke neniu trovos ĝin — nia eta ĉio.

*S. N.:* Atendu — restu ĉi tie kaj gardu ĝin. Gardu ĝin zorge, ne forrigardu, eĉ dum unu momento. Kapitalo, kapitalo.

Sed fine alia nekroforo forrabas ĝin dum ilia foresto, kaj ili kuras freneze tien kaj reen, plendantaj pri sia perdo.

Du noveedziĝintaj griloj alvenas por loĝi en dometo de grilo antaŭ nelonge manĝita de birdo. Dum la edzo foriras por perlabori la vivon la ikneŭmono kaptas la edzinon kiel manĝaĵon por sia filino, malbelega larvo en apuda truo. Li ekscite kuras al sia negoca laboro, dirante — Ho! la ekscito kaj la tien kaj reen kurado. Frua foriro, malfrua reveno, sed ne gravas, se mi tion faras por iu, kiu meritas. Eduki infanojn estas grava respondeco, granda ĉagreno ĉu ne? Nutri kompatindu-letojn, pagi por ilia edukado, doni al ili metion aŭ profesion. Tio ne estas malgravaĵo, mi certigas.

La grasa malgracia larvo eliras el la truo, kaj diras kelkajn malĝentilajn frazojn al la vagisto, poste ŝi plendas, — mi enuas ĉi tie — mi ŝatus... mi ne scias kion mi ŝatus — kaj ŝi reiras truen.

La vagisto indigniĝas pri la mortigo de la grilino, kiun li deziris savi sed parazito malhelpis lin. Reveninte al sia domo, la grilo estis ankaŭ mortigita de la ikneŭmono kaj donita al la larvo, sed dum la foresto de la patro, la parazito eniras la truon kaj manĝas ĉion, enkalkulante la grasan malkontentan filinon.

Dum la tuta tempo, efemera krizalido sur arbotrunko dolĉvoĉe ekkrias ke baldaŭ ŝi naskiĝos: — Kiam preterpasos duonminuto io grandioza, senlima okazos ĉi tie — ŝi anoncas. La vagisto respondas: — Ŝi opinias ke ŝi estas la mondo. Fine ŝi elkreviĝas, dancas dum kelkaj minutoj kun aliaj efemeroj kaj mortas.

La vagisto opinias, ke la malfeliĉoj de la insektoj okazas, ĉar ili ne scias kiel kombini por la bono de la ŝtato, do la tria sceno prezentas bone organizitan societon.

„La mondo de la formikoj" kie ĉiu funkcias kvazaŭ parto de maŝino laŭ ritma takto de blinda formiko, kiu taktbatas dum la tuta tempo, unue por la laboristoj, poste por la soldatoj, unu-du-tri-kvar.

Senĉese la laboristoj preterpasas kun laboriloj ĝis fine la ĉefa ingeniero anoncas, ke milito okazos.

*Vagisto:* Kial milito?

*Ĉefa Inĝeniero:* Ĉar ni havas novan militmaŝinon.

*Dua Inĝeniero:* Ĉar ni ankoraŭ bezonas mondpecon.

C. I.: La mondpecon inter la betulo kaj la pinarbo.

D. I.: La vojon inter du herberoj.

C. I.: La solan nefermitan alsude vojon.

D. I.: Estas afero de prestiĝo.

C. I.: Kaj komerco.

D. I.: Naciaj rajtoj...

C. I.: Neniam estis milito pli honorinda aŭ urĝa.

D. I.: Ol la milito kiun ni devas entrepreni.

C. I.: Ni estas pretaj.

D. I.: Ni nur bezonas *casus belli.*

La kaŭzo baldaŭ troviĝas, la batalo komenciĝas, unu regimento estas detruita. Kiam sendito alportas la novaĵon, la ĉefa inĝeniero diras: — Laŭ la plano — kaj sendas alian regimenton. Li ordonas, ke la dua inĝeniero raportu, ke la detruita regimento distingis sin kaj heroe forpelis atakantojn. Al ĵurnalisto li donas informon por la gazetaro jene: — Sukcesplenaj operacioj, danke al niaj antaŭlonge preparitaj planoj, — la

admirinda-spirito de nia armeo, — ne kontraŭstarebla antaŭenmarŝado, — la malamiko demoraligita.

La ĉefinĝeniero anoncas venkon, kaj surgenuiĝas por danki la dion de la formikoj, sed baldaŭ li estas venkita kaj lia venkinto surgenue dankas same. La vagisto indigne kuras al li, renversas kaj piedpremas lin.

*Epilogo.* — Fine la vagisto mortas, kaj dum li kuŝas mortinta sur la herbo, tagiĝas; juna sanaspekta lignohakisto preterpasas survoje al sia laboro kaj renkontas junan kamparaninon portantan infaneton por ke ĝi estu baptata. Vidante la korpon, ŝi kaŝas ĝin de kantantaj preterkurantaj infanoj. Unu donas al ŝi rozon kaj poste ŝi metas ĝin en la manon de la mortinto.

La dramo estas plena je instruado, kelkaj tamen plendas ke ĝi estas kruda kaj malbela. Tiaj estas la faktoj al kiuj la aŭtoroj penas altiri nian atenton. Tiaj homoj kiel ajn belaj ili estas ekstere, malhavas animajn ecojn, kaj estas nur insektoj, agantaj laŭ blinda instinkto. Unu sola homa individuo troviĝas en la insektdramo mem, la vagisto, viro malpura, neklera, malalloga, alkoholamanto, la plej malalta homa estaĵo imagebla, sed antaŭ la fino de la dramo, oni konstatas, ke li estas pli alta ol iu alia en ĝi, ĉar kompato por aliaj naskiĝas, animĝermo vekiĝas, kaj li deziras savi la vivojn de la naivaj kreitaĵoj, la griloj. La alia kvazaŭhomo estas nur ŝajnigo, li estas parazito, kiu kontraŭstaras la malbonecon de la insektoj dum ilia foresto, laŭdas ilin en ilia ĉeesto. kaj imitas ilin.

La rozo metata sur la mortinton, de la kamparanino simbolas la rilatojn inter la vagisto kaj senceiba homaro. Malalta li estis sed ne insekto.

La dramo „Tiel, gis senfineco" estas vera artistaĵo, simpla sed pensinstiganta kaj, ĝuste komprenate, havas grandan edukan valoron. — *Emma L. Osmond.*

ROSO DI SAN SECONDO, kiun la mondo devos baldaŭ enregistri inter la famaj kaj mondkonataj teatraj verkistoj, iom malfrue komencis verki teatraĵon. Liaj romanoj kaj noveloj jam estis bone konataj en Italio, kiam li finis sian unuan verkon en ĉi tiu sfero. *La pasioj de l' puphomoj* venis sur la scenejon en 1918 en la Roma Argentina-teatro.

Sub ĝia impreso estiĝis kvazaŭ aparta literaturo, en kiu oni atakis kaj defendis lin, oni proklamis lin jen granda verkisto, jen sentalentulo. Dum ĉi tiu disputo oni tradukis la verkon en anglan kaj francan lingvon kaj iom post iom oni prezentis ĝin sur la francaj kaj amerikaj scenejoj. Ankaŭ ĉi tie oni ne povis ĝin tiel „digesti", kiel la mondfamajn kaj grandsukcesajn teatraĵojn. En la laŭdoj de preskaŭ ĉiuj kritikistoj trovis sin ia *sed* aŭ *tamen.*

La unua akto de *La pasioj de l' puphomoj* okazas en poŝtoficejo dimanĉe antaŭtagmeze, ĉe la fenestreto de la telegrafistino. La servisto dormetas sur seĝo en la angulo. Krome estas sur la scenejo entute unu — *grize* vestita — sinjoro. Ĉi tiu sinjoro volas ekspedigi telegramon, kiun li konceptas malrapide kvazaŭ maĉante la vortojn. Nur foje kaj foje li skribas sur la paperon, poste, nervoze disŝirinte, li prenas alian kaj denove komencas skribi. Sed li ne povas transveni la unuan vorton: denove li sulkigas la frunton kaj hezitas... La servisto sidanta en la angulo ne povas toleri senvorte ĉi tiun malrapidecon:

— Sinjoro, eble vi povus skribi iom pli rapide tiun telegramon?

La *grize* vestita sinjoro subite kaplevas kaj ĝentile respondas:

— Mi ne scias, ke ia regulo fiksus: kiel rapide oni devas koncepti telegramon.

Intertempe alia sinjoro venas en la ĉambron. Ĉi tiu portas *nigran* veston. Ankaŭ li volas ekspedigi telegramon kaj, kiel la *griza,* ankaŭ li penegas terure malrapide. Poste eniras sinjorino kun *zibelboao* sur la kolo. Kun granda ĝemo ŝi sidiĝas inter la du sinjoroj kaj ankaŭ ŝi komencas telegramon. Same kiel la sinjoroj, neniel ŝi povas koncentri la pensojn. Kun senlima malrapideco ŝi jetas paperen ian vorton; ankaŭ ŝi, disŝirinte la paperon, prenas alian...

Dume plena silento regas sur la scenejo, sed la publiko rigardas kun streĉita atento la movojn kaj mimikojn de la aktoroj.

La du sinjoroj, kvazaŭ meĥanike, jetas sur ŝin kelkfoje diskretajn rigardojn. La sinjorino ĝemadas, turnas la okulojn, ne estas do mirige, ke ŝi vekas intereson en la du sinjoroj. Fine la *nigrevestita* sinjoro alparolas ŝin:

— Sinjorino...

La sinjorino ridetas apenaŭ rimarkeble kaj ekiras inter ili la konversacio. Post kelkaj indiferentaj vortoj ili rakontas siajn ĉagrenojn. Tuj evidentiĝas, ke ili ambaŭ *trompiĝis en la amo.* La sinjorinon batis la amanto, pro kio ŝi forlasis lin. Sed ŝi ne plu povis elteni la solecon kaj nun ŝi volus telegrafi al li... La *nigrulon* forlasis la edzino kaj nun ĝuste li volus telegrafi, ke ŝi revenu... Sed neniu el ili povas sin decidigi por ĉi tiu ago. Pro tio ili luktas kun siaj pensoj, pro tio ili ne povas trovi la konvenan vorton, pro tio ili disŝiras la blankedojn unu post la alia. Ili batalas kun si mem, kun sia koro, kun sia pasio, kun siaj pensoj: ĉu forsendi la telegramon aŭ ne?

— Do ne! — ekbrilas la decido en ili ambaŭ.

Kial ili zorgu pri la forestantoj — pri la malnobla amanto kaj pri la malnobla edzino, jen, ili ja trovis unu la alian, ili ja komprenas sin kaj en senfina ĉirkaŭpreno ili forgesos la doloron, kiun *tiuj* kaŭzis al ili. Ili jam ridetas unu al la alia, jam kreskadas la ĝermoj de la decidiĝo en iliaj animoj, ili jam volas foriri, kiam la griza sinjoro intervenas:

— Atentu, tre estimata sinjorino kaj tre estimata sinjoro, gardu vin! Mi jam travivis ĉi tiun historion, mi jam provis *rekonstrui denove mian feliĉon, sed vane. Estas neeble. Post kelkaj horoj aŭ post kelkaj tagoj senreviĝinte vi rigardos unu la alian, neniam vi pardonos unu al la alia, kion vi faris...*

En koloroj ĉiam pli kaj pli nigraj li pentras al ili la estontecon ilin atendantan.

La du homoj rigardas lin konsterniĝante, la sinjorino kuntiras la ŝultrojn sub la zibelboao kaj senvorte foriras. Je tio nature la *nigra* sinjoro ekkoleras — li ja lasis elgliti belulinon el siaj manoj —, tamen ne riskas eĉ unu vorton por reteni ŝin.

Iom poste la du sinjoroj rememoras, ke dum la babilado la *zibelboaulino* citis la adreson de iu sinjorino. Sen ia antaŭa interkonsento ili ambaŭ iras al la loĝejo de ĉi tiu sinjorino. La *griza* sinjoro kun la preteksto, ke la *zibelboaulino* forgesis la gantojn en la oficejo kaj la *nigra* sinjoro kun tiu motivo, ke... malgraŭ ĉiu teorio: la bela virino estas tamen bela virino. Enirinte la ĉambron la *nigrulo* vidas, ke la *griza* pasie amindumas tiun sinjorinon.

— Sed kiel do vi kuraĝis vin ŝovi inter min kaj la zibelboaulinon? — li alparolas lin furore — laŭ via teorio ja *nek vi nek mi povos esti plu feliĉaj en la vivo!*

Li komencas krii, kriegi, je kio malfermiĝas la pordo kaj eniras la *zibelboaulino.* (Ŝi dormis en la apuda ĉambro.) Ŝi eksploras kaj ĉi tiu ploro infektas ankaŭ la du virojn. Ĉiuj tri ploregas, gestadas, kriegas, dancas, blasfemadas kvazaŭ delire, riproĉas unu la alian, entute ili donas la impreson de frenezuloj. La virino, la amikino — kiu cetere estas kantistino en muzik-haloj — rigardas ilin ektiminte kaj kiam ili iom trankviliĝas, cedante al ŝia persvado, ili priparolas rendevuon en nokta amuzejo.

En la aparta ĉambro, kiun la *griza* sinjoro mendis, estas du tabloj. La *griza* sinjoro rezervigas ankaŭ la alian tablon, sur kiun li metigas eĉ florojn, kaj malpermesas al la kelnero iun ajn enlasi en la ĉambron, ĉar li atendas amikojn.

— Jen — li klarigas al ili — ĉe la alia tablo sidos *la spiritoj de la forestantoj*, mia edzino, la amato de l' *zibelboaulino* kaj la edzino de l' *nigra* sinjoro. Bone? Jen eĉ floroj por ĉarmi ilin.

La penso plaĉas al ili. Poste ridetante ili sidiĝas kaj komencas manĝi. Dume ekaperas ĉe la pordo unu el la atendataj spiritoj. La amiko de l' zibelboaulino.

— Dematene mi serĉas vin — li flustras — mi kuregis de drinkejo al drinkejo, vane vi kaŝiĝis, per via parfumo mi retrovis vin!

Alkurante li ĉirkaŭprenas kaj triumfe forportas ŝin. La du sinjoroj rakontas denove sian doloron, kiu ŝajnas ĉi-momente multe pli neelportebla.

— *Ho, neniam plu mi resaniĝos!* — diras la griza rezigne.

Kaj post kelkaj minutoj kvazaŭ rekonsciiĝinte li daŭrigas:

— Sed tamen! Se ne ĉi tie, eble en alia mondo. Ĉi tie jam nenio interesas min, kial do mi restu?... *Ĉu tio ĉi havas ian sencon?*

Kelkajn gramojn da blanka pulvoro li ŝutas en la ĉampanon kaj poste li eltrinkas la tutan glason.

— *Mi mortos!* — li diras trankvile kaj simple.

Stariĝinte de la tablo li iras al la pordo. Jam vidiĝas la efiko de l' veneno, nur ŝanceliĝante li povas antaŭeniĝi. Ĉe la pordo li returnas sin:

— Pardonu, ke mi ne pagis la konton. Eble vi bonvolos...

Ankoraŭ aŭdiĝas lia rido, kiam alvenas la kantistino, kiun la *nigra* sinjoro tuj komencas persekuti:

— Amu min, amu min! — li petegas — ĉar estus tre bone, se vi amus min.

La kantistino estas bonkora, krome nun ŝi ne estas okupita, do ŝi donas favoran respondon.

— Sed ĉu vi scias sinjoreto — ŝi diras petole — ke mi jam preskaŭ estis enamiĝinta la grizan?

Faras nenion, la *nigra* ne zorgas pri tio, sed ĉirkaŭprenas la kantistinon.

... La publiko spir-retenante rigardas *La pasioj de l' puphomoj*, tute ne povante satiĝi per la elradianta el ĝi kuriozeco, kvankam la teatraĵo ne estas konstruita laŭ la ĝisnuna sistemo, la scenoj kontaktiĝas nur tre malforte tiel ke oni bezonas kelkfoje kvazaŭ fantazion por trovi la interligon. Sed estas egale — la unua verko de *Roso di San Secondo* triumfe almilitos la tutan mondon. *lc.*

LA INTERNACIAJ LABORISTOJ DE ROSSUM. (Rossum's Universal Robots.) — Kiam nova dramo aldonas novan vorton al lingvo, tio montras ke granda aro da personoj vizitas kaj priparolas la prezentadon. Tio okazis rilate al la dramo nun ludata ĉe la teatro Sa. Martin, en okcidenta Londono. La vorto „robot" estis tuj alprenata de redaktoroj, juĝistoj, kaj civiluloj por signifi „meĥanika laboristo", kvankam la originala ĉeĥlingva vorto ne enhavas tiun limigitan signifon. Tiu ĉi dramo altiras grandan ĉeestantaron ĉiunokte, sed bedaŭrinde nur malmulte da laborantaj homoj povas ĝin vidi pro la alta prezo. Mi mem staris dum la trihora pezentado, sed la daŭra intereso forgesigis al mi la laciĝon. La dramo tradukita de Sro. Paul Selver kaj aranĝita de Sro. Nigel Playfair estas verko de Ĉeĥo, Karel Ĉapek, kaj ĝia temo estas jena:

La maljuna Rossum ĉesis negoci, kaj iris al malproksima insulo por studi biologion. Post 10 jaroj li sukcesis fari viron, kiu tamen nur vivis dum tri tagoj. Lia inĝeniera filo opiniis, ke tiu elpensaĵo alportos al li riĉaĵojn, se li simpligas la procedon de fabrikado. Laŭ li, estas nenecese, ke laboristo sciu ion pri muziko, arto, aŭ ia kulturo, li nur devas scipovi rapide kaj malkare kiel labori. La dramo komenciĝas sur la soleca insulo en la jaro 1950, kiam kompanio produktas milojn da „robotoj" po £ 35, plene vestitaj, uzeblaj por 20 jaroj. Ili ne ricevas salajron, kaj manĝas ion ajn, ĉar ili ne havas gustosenton.

Sur la insulo troviĝas kelkaj viroj, sed la „robotoj" faras la tutan fabrikon, sen scio de la sekreta formulo. La administranto estas Harry Domain, entuziasma idealisto, kiu opinias, ke la robotoj faros la tutan aĉan laboron de la mondo kaj liberigos la homaron, por ke ili havu liberan tempon por sin kulturi kaj amuzi. La robotoj produktos abunde ĉiun homan bezonaĵon, kaj malriĉeco malaperos por ĉiam. Dro. Gall, fiziologo kaj esploristo, deziras aldoni dolorsenton al la robotoj, por ke ili ne difektiĝu dum la laboro. Okaze robotoj freneziĝas, grincigas la dentojn, kaj rifuzas labori, sed ili estas tuj sendataj al la dispremilo, por esti rompataj kaj reeuzataj. Sro. Alquist, estro de la fabrikejo, estas neprogresema metiisto. Jacob Berman, la ĉefa komizo pensas pri nenio krom siaj kontlibroj kaj saldoj.

Domain diktas leteron al robotino Sulla, kiam Helena Slory, misiistino de la Ligo de Humaneco alvenis el Anglujo. Ŝi deziras ribeligi la robotojn, por ke ili postulu rajtojn kiel homaj estaĵoj. Ne estas virino sur la insulo, kaj la kvar estroj tuj enamiĝas al Helena, kaj post nelonge Domain edziĝas kun ŝi.

Kvin jaroj pasis inter la unua kaj dua aktoj. Tri cent mil robotoj troviĝas sur la insulo; ĉie en la mondo estas grandaj nombroj da ili. Dume homoj perdis laboron pro ili, kaj ĉar ne estis permesate partopreni la abundon, ili ribelis; la robotoj uzataj kiel soldatoj subpremis la ribeladon, milito sekvis militon.

Heleno deziris, ke la robotoj havu animojn, do Dro. Gall eksperimentis produkti animan roboton kvankam li opiniis, ke robotoj ne bezonas animon. Li ŝanĝis iomete la formulon, kaj faris Helenon la duan, kiu ne laboras sed vagadas reveme. Li pensas, ke ŝi estas malsukceso. La robotoj ekster la insulo, ribelinte sendas alvokon: „Robotoj de la mondo, unuiĝu". Nenia novaĵo atingas la insulon, Domain kaj liaj kolegoj ektimas, sed kvankam ili nenion diras al Helena, ŝi divenas, ke io maloportuna okazas. Ŝi ne havas infanon, kaj legas en ĵurnalo, ke estas same, ĉie en la mondo. Teruriĝite pro tiu sciiĝo, kaj aŭdante pri la ribelo sur la insulo, ŝi bruligas la formulon, por ke pluaj robotoj ne estu farataj. Ŝi estas tre komplika, ĉar ĝi rezultis el multjaraj esploroj. Domain diras, ke de nun ili faros naciajn robotojn, kiuj ne komprenos unu la aliajn, anstataŭ fari ilin reciproke komprenantaj; tiam ili ne povas komploti kontraŭ la estrojn, sed robotoj de unu nacio aŭ fabrikmarko batalos kontraŭ tiujn portantajn alian fabrikmarkon aŭ el alia nacio.

Ribelantoj venas kaj ĉirkaŭas la domon. La estroj kolektiĝas en unu ĉambro; ili estas protektataj nur de elektra fluo en la palisaro ĉirkaŭanta. Helena ludas fortepianon kaj Berman ordigas siajn kontojn. Domain pensas, ke ili estos savitaj per la vendo de la fabriksekreto, sed ĉiuj malesperas, kiam Helena konfesas la bruligon. Berman kuregas al la robotoj, kun la tuta monamaso por aĉeti iliajn vivojn, sed senutile, ĉar tuŝante la palisaron li tuj encindriĝas. La robotoj eniras la ĉambron, mortigas ĉiun krom Alquist kiu manlaboras. Radius la ĉefa roboto anoncas, — „La robotoj venkis! La homa epoko forpasis. Nova mondo venas, robota regado. La mondo apartenas al la plej forta. Tiu kiu deziras vivadi, devas regi. La robotoj venkis. Ili regas la vivon. Ili estas estroj de la vivo. Ni estas la regantoj de la mondo!"

En la fina akto, la robotoj ne havante la sekreton de sia fabrikado, devigas Alquist eltrovi ĝin. Vane li serĉas, li petas ilin serĉi homajn estaĵojn, ĉar post dudek jaroj ĉiu roboto eluziĝos kaj la mondo estos silenta dezerto. Neniu homa estaĵo krom Alquist ekzistas. La ĉefulo petegas Alquist ree labori por trovi la sekreton: — Ni donos al vi ĉion, ni donos al vi senfinan riĉecon, ni donos al vi la mondon. — Alquist protestas, ke nur homoj povas krei novajn homojn kaj demandas kial la robotoj detruis ĉiun homon.

Radius respondas, — Murdado kaj superrego estas

necesaj al tiuj kiuj deziras simili al homoj. Legu historion, homajn verkojn. Oni devas estri kaj mortigi. Ni estas potencaj. Plimultigu nin kaj ni starigos novan mondon, — sendifektan, mondon de egaleco.

Alquist diras, ke ili nur estas maŝinoj kaj ne povas naski. Radius respondas, — Ni *estis* maŝinoj, sed teruro kaj doloro naskiĝis en ni animojn. Io luktas en ni. Okaze io eniras en nin. Pensoj venas senvole. Ni sentas tion, kion antaŭe ni ne sentis. Ni aŭdas voĉojn. Sciigu al ni kiel naskiĝi infanojn por ke ni ilin amu.

Fine Alquist diras, ke li devas eksperimenti per vivaj korpoj. Radius konsentas, sed ne deziras esti la eksperimentoto. Laciĝinta, Alquist dormas. La robotino, Heleno dua eniras, sekvata de Primus, alia roboto farita laŭ la ŝanĝita formulo. Ili havas strangajn pensojn kaj dezirojn. Subite Heleno ridas, kaj la sono vekas Alquist kiu postulas, ke Heleno estu uzata por eksperimento. Primus malkonsentas kaj proponas sin mem, sed Heleno ploras kaj deziras savi lin per memofero. Fine Primus malpermesas, ke ili estu uzataj, dirante, — Ni — ni apartenas unu al la alia.

Aŭdinte tiujn vortojn, Alquist forsendas ilin, dirante: „foriru Adamo, foriru Evo. Vi estu lia edzino. Estu ŝia edzo, Primus."

Alquist surgenue dankas Dion, ke sindona amo eniris la mondon por savi ĝin de pereo, ĉar la laboristoj havas animojn.

Kion signifas ĉi tiu dramo, demandas la ĉeestantaro, kaj diversaj estas la respondoj. Al mi ŝajnas, ke la aŭtoro intencas montri tion, kio okazas pro la nuntempa agado de fabrikposedantoj, kiuj, uzantaj ĉiun rimedon por faciligi la fabrikprocedon, por konservi la sanecon, kaj forigi la laciĝon de la laboristaro pro la fabrika profito, tiele kreas el ĝi maŝinojn, sed se ili samtempe permesas okazojn por kulturo kaj edukado, tiam venos la tempo, kiam la maŝiniĝintaj homoj postulos animan kontentigon, kaj rifuzante maŝinvivon, alprenos al si plenajn homajn rajtojn. *Emma L. Osmond.*

---

## BIBLIOGRAFIO

ABISMOJ. Romano originale verkita de Jean Forge. Eldono de Ferdinand Hirt & Sohn en Leipzig. Esperanto-Fako.

Verki modernan romanon signifas: respeguligi la pulsantan vivon kaj ĝiajn profundajn variaĵojn per frapantaj propozicioj. La tasko de la moderna verkisto estas: venki la nervan preteremon de la nuntempa homo kaj per masjtra lerteco, per artifika ĵonglado konservi la vekitan intereson pri la enhavo, ne tre riĉa je okazintaĵoj.

Romano de J. Forge ĝuste pro la supre menciitaj principoj estas unu el la plej serioze konsiderindaj verkoj en nia originala literaturo. Lia romano „Abismoj" estas efektive tipa moderna romano, kiu nepre kontentigos sian legantaron, varbiĝantan el filoj de la plej diversaj nacioj. Ĝia sukceso baziĝas sur la plej firma fundamento, sur la tri ĉefaj karakterizaj fortikaĵoj de la romano mem: *frapante klara stilo, populare profunda psihologio kaj absoluta fundamenteco.*

J. Forge do faris pli ol liaj verkistokolegoj. Li donis en sia verko ne sole modernan romanon, sed modelon *pri respekto al la lingvo.* Li neniam forgesas la nunan staton de la lingvo. Li konsideras prudente kun arta takto, ke la legantaro de la Esperanta literaturo estas ankoraŭ tre malmultenombra kaj ne sufiĉe matura por ĝui komplikan, ofte tro abstraktan produkton de verkisto supermoderna. Tiu ĉi respekto retenas lin uzi aron da neologaj vortoj, kiuj pezigas la tujan kompreneblecon kaj ofte kruele difektas la severan unuecon de la lingvo. Tiu ĉi respekto igas lin al simpla formado de propozicioj, sed la sama principo certigas lin, ke la verko estos facile komprenata de ĉiuj. Saltoj ne ekzistas en la natura evoluo kaj la artefarita, perforta evoluo multfoje estas pereiga.

J. Forge tamen ne estas ĝisosta konservativa verkisto kaj li bone konscias, ke la lingvo bezonas novajn formojn, frapantajn esprimojn, sed li ne imitas tiujn reformemajn „*Ido*"-*filojn,* kiuj jam transpaŝis la limon de prudenta konsidero kaj kaŭzis al multaj malnovaj kaj novaj adeptoj plenan elreviĝon. Kontraŭe, li pritraktas la plej delikatajn, komplikitajn kaj profundsencajn temojn en lingvo simpla kaj li kreas novajn formojn, admirindajn esprimojn per la primitiva lingvo de 1887 jaro. Tutkore ni gratulas lin.

La kerno de la romano estas ĉiutage ripetiĝanta historio, sed ĝuste la elekto de tiu ĉi, ŝajne banala temo, pruvas la brilan talenton de J. Forge, ĉar li povis per sia majstra plumo igi ĝin interesa ĝis la fina vorto. La kvar ĉefaj personoj de la romano fariĝas vivantaj antaŭ la okuloj de la leganto. Ni rekonas ĉirkaŭ ni la diboĉeman bienposedanton, kiu volas restarigi sian antaŭan riĉecon per profitdona edziĝo; la knabinon, kiun la senzorga izoliteco, luksa nenionfarado faris senkonscie voluptema kaj kondukas ŝin al nepripensitaj agoj. Ni retrovas ĉirkaŭ ni la artpentriston, kiu malespere pentas pro sia gloravida vanteco kaj la fianĉinon, la puraniman idealistan martiron, kiu atendas kun infana naiveco, suferas mute kaj kompreneme pardonas. Eĉ la epizodaj figuroj de la romano estas trafe karakterizitaj.

Ankaŭ la formo de la romano estas io nova. La kvar ĉefaj personoj mem rakontas al ni pri siaj vivoj kaj pensoj. Tiu ĉi intima alproksimiĝo vekas en la leganto sinceran simpation, kortuŝitecon kaj komprenon al la malespere baraktantaj herooj, kiuj estas viktimoj parte de siaj karakteroj kaj parte tiuj de la premegaj cirkonstancoj. Prezentiĝas antaŭ ni tragedioj, preter kiuj ni senatente pasas ĉiutage, sed kiuj nun, en hela lumo de la verkistoartisto, profunde tuŝas nin. Por atingi feliĉon la homoj luktas kun la ĉiutaga grizeco kaj sociaj konvenaĵoj, sed la plimulto ĉe la fino de la dornhava vojo falas en la proprefaritan abismon, kiu senkore englutas la celperdintan viktimon.

Post finlego de la romano la leganto ne povas tuj liberiĝi kaj enprofundiĝas en siajn pensojn. Li plektas plu la restintajn fadenojn de la romano kaj laŭ persona gusto finfinas ĝin.

Ni sincere gratulas al la eldonanta firmo, Ferdinand Hirt & Sohn, kiu per prezento de tiu ĉi originala romano ne nur pliriĉigis nian literaturon, sed donis vere valoran, artistan volumeton laŭ enhavo kaj eksteraĵo al ĉiu literaturamanto.

Por rekomendi la verkon sufiĉas, se mi citas laŭvorte la entuziasman kritikon de samideano, kiu ne povis formeti la libron, ĝis kiam li ne finlegis ĝin: „Fine verko, kvazaŭ en patra lingvo, en kiu mi ne devis lukti kun lingvaj malfacilaĵoj kaj kies enhavo ĉenis min al la libro. Se mi estus riĉa, mi enmanigus la libron al ĉiu Esperantisto por konvinki ilin, ke modernan verkon doni ne konsistas el tio, ke ni kripligu la lingvon per neologismoj ĝis nerekonebleco, sed en tio, ke la genio de la verkisto evidentiĝu en artista klareco!"

*Jobo.*

OFICIALA JARLIBRO 1923. Universala Esperanto Asocio. 12 Boulevard du Théâtre, Genéve.

La nunjara volumo, kiel la antaŭaj, donas al ni fidindan poŝlibron por propagandaj kaj privataj celoj. La enciklopedia parto estas riĉe kompilita laŭ la modernaj bezonoj. La zorge registrita dua parto Esperantismo enhavas la plej necesajn informojn pri historio kaj nuntempa movado. La tria parto: U. E. A. klaran adresaron enhavas kun precizaj detalaĵoj. Aliĝu al U. E. A. por subteni nian plej gravan organizaĵon kaj ricevi senpage la jarlibron.

Globus presartinstituto A. S., Budapest. Direktoro Nikolao Biró